# LITERATURA MONDO



TRIA JARO
DEKDUA NUMERO



BUDAPEST
DECEMBRO 1924

ELDONAS HUNGARA ESPERANTO INSTITUTO BUDAPEST, VI., EÖTVÖS-UTCA 3

**NIA KUNLABORANTARO**

LOUISE BRIGGS (ARMLEY), J. GRAU CASAS (BARCELONA), HELMI & HILDA DRESEN (TALLINN), NIKOLAO HOHLOV (ZAGREB), IVAN H. KRESTANOFF (PIRDOP), A. MAZZOLINI (FERMO), JAN VAN SCHOOR (ANTWERPEN), PAUL MEDEM (KAUNAS), TIBERIO MORARIU (BUCURESTI), PAUL NYLÉN (STOCKHOLM), EMMA L. OSMOND (LONDON), PETRO STOJAN (CHISINAU), M. SOLOVJEV (NOVI SAD), DRO LEONO ZAMENHOF (VARSOVIO), RAYMOND SCHWARTZ (PARIS), J. JURYSTA (CZENSTOCHOVA) STANISLAW BRAUN (LODZ), HENRIKO SEPPIK (TALLINN), DANIEL EYQUEM (PARIS), ZANONI. RESPONDA REDAKTORO : DRO TEODORO SCHWARCZ

Ĉi tiuj dudekkvar paĝoj tute ne montras ian subitan subtenon parte de l' Esperanta mondo. Ĝi estas simple kristnaska donaco. Kiel reciprokan donacon ni dezirus: la eblon aperi daŭre almenaŭ dudekkvarpaĝe.

EL LA PROTOKOLO DE LA

## XVI.-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

en Vieno, la 14.-an de aŭgusto 1924.

Pri la rezolucio prezentita de la **Esperantista Literatura Asocio** la kongreso decidas akcepti la jenan tekston:

„La kongreso aŭdas kun plezuro, ke la kunsido de E. L. A. decidis starigi oficialan interrilaton kun la Esperanto-gazeto

## „LITERATURA MONDO“

kaj alvokas, ke tiun ĉi nuntempe SOLAN literaturan kaj artan esperantlingvan gazeton HELPU la esperantistaj verkistoj per kunverkado kaj la **esperantistoj per legado kaj disvastigo**“

### NOMBRO DE ABONANTOJ LAŬ LANDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Aŭstrio: . . . 12 (14) | Ĉinujo: . . . . . 1 | Hispanujo: . . . 13 | Latvujo: . . . 14 (4) | Polujo: . . . . . 25 |
| Aŭstralio: . . . . 5 | Danujo: . . . . 1 (2) | Hungarujo: . 33 (52) | Litovujo: . . . . 10 | Rusujo: . . . . . 1 |
| Belgujo: . . 1 (35) | Estonio: . . 18 (15) | Italujo: . . . . . 7 | Meksikujo: . . . 1 | Rumanujo: . . . 15 |
| Britujo: . . . 17 (8) | Finnlando: . 2 (10) | Japanujo: . . 5 (50) | Nederlando: . 6 (4) | Svedujo: . . . . 4 |
| Bulgarujo: . . 11 | Francujo: . . 15 (9) | Jugoslavio: . . . 3 | Norvegujo: . . . 1 | Svisujo: . . . . 11 |
| Ĉeĥoslovakio: 4 (12) | Germanujo: . . . 15 | Kosta-Riko: . . 1 | Persujo: . . . . 1 | Usono: . . . . . 3 |

PARENTEZE POE VENDITAJ

# DUM KRISTNASKA NOKTO

A. ĈEHOV


Juna, dudektri-jara virino, kun terure pala vizaĝo, staris sur la marbordo kaj rigardis en la malproksimon. Nek steloj, nek maro, nek fajroj estis tie vidataj. Pluvegis. „Kio estas tie?" — pensis la virino, vestinta sin kontraŭ vento kaj pluvo varme, en malseka palteto kaj ŝalo. Ie, tie, en tiu densa mallumo, kvin aŭ dek verstojn de tie ĉi, en tiu ĉi tempo devas esti ŝia edzo, bienposedanto Litvinov, kun siaj fiŝkaptistoj. Se la neĝblovado dum la lastaj tagoj ne superŝutis per neĝo Litvinovon kaj liajn fiŝkaptistojn, ili nun rapidas al la bordo. La maro baldaŭ devas rompi glacion kaj kiu scias, ĉu la fiŝkaptistaj glitveturiloj havos sufiĉe da tempo por atingi la bordon, antaŭ ol la pala virino ekaŭdos la plormuĝon de la vekiĝinta maro. La virino pasie ekdeziris malsupreniri al la bordo. La malsuprenirado estis tre longa kaj danĝera, ĉar la vento fortege skuis la glitigan ŝtuparon de ĉiuj flankoj. Post dek minutoj ŝi jam estis malsupre ĉe la blua maro. Ankaŭ tie ĉi estis la sama mallumo. La vento fariĝis pli malbona ol supre. Pluvis senĉese kaj ŝajnis ke la pluvo ne havos finon.

— Kiu iras? — aŭdiĝis vira voĉo.

— Estas mi, Deniso.

Deniso, alta fortika maljunulo kun granda griza barbo staris sur la bordo kun granda bastono kaj ankaŭ li rigardis en la malproksimon.

— Ĉu estas vi, sinjorino Natalia Sergejevna, — demandis li — kion vi volas tie ĉi en ĉi tiu malbona vetero? Iru hejmen, sinjorineto.

Aŭdiĝis ploro de maljunulino. Ŝi estis la patrino de fiŝkaptisto Evseo, kiu ankaŭ estis veturinta al fiŝkaptado kun Litvinov. Deniso ekspiris kaj svingis per la mano.

— Ĉu ili estas vivaj, Deniso? demandis Natalia Sergejevna per tremanta voĉo.

— Mi ne scias, sinjorino. Se hieraŭ kaj antaŭhieraŭ ilin ne superŝutis neĝo kaj se sur la maro ne rompiĝos la glacio, ili estos vivaj.

— Iu iras sur la glacio, — diris subite juna virino per nenature raŭka voĉo. Deniso ekrigardis kaj aŭskultis.

— Ne, sinjorino, neniu iras, — diris li, — apude, en boato sidas malsaĝulo Peĉjo kaj movas la remilojn.

— Peĉjo, — ekkriis Deniso, — ĉu vi sidas tie?

— Mi sidas, avo, — aŭdiĝis malforta, malsana voĉo.

Sur la bordo, ĉe l' glacio, troviĝis boato, en kiu sidis alta junulo. Li estis malsaĝulo Peĉjo. Tremante en la tuta korpo li rigardis en la malproksimon kaj ankaŭ penis ekvidi ion.

— Ĉu vi aŭdas, Peĉjo, — diris Deniso.

— Jes, mi aŭdas ke sur la maro rompiĝas la glacio. Dek verstojn de tie ĉi jam rompiĝas.

La maljunulo komencis aŭskulti, sed nenion povis diveni krom la bruego de la vento kaj seninterrompa bruo de la pluvo. Duonhoro pasis en atendo kaj silento. La vento faradis sian aferon. Ĝi fariĝis pli kaj pli kolera kaj ŝajnis ke ĝi decidis ekrompi la glacion kaj forpreni de la maljunulino la filon Evseo kaj de la pala virino — la edzon. Pluvis pli kaj pli maldense kaj tial baldaŭ estis eble distingi en la mallumo homajn figurojn, silueton de boato kaj blankon de neĝo. Tra la bruego oni povis aŭdi sonoradon. Ĝi sonis supre en la fiŝkaptista vilaĝeto sur malnova sonorilejo. Homoj, kiujn atingis neĝblovo kaj pluvo surmare, devis veturi laŭ tiu sonorado.

— Avo, la akvo jam estas proksime. Ĉu vi aŭdas?

La avo aŭskultis kaj ekaŭdis ĉifoje obtuzan bruon, similan nek al bruego de vento, nek al muĝo de arboj. La malsaĝulo estis prava. Estis sendube, ke Litvinov kun siaj fiŝkapistoj ne revenos firman teron por festeni Kristnaskon.

— Finite, — diris Deniso, — la glacio rompiĝas.

La maljunulino akre ekkriis kaj ekkaŭris sur la tero. La sinjorino, malseka kaj tremanta de malvarmo, iris al la boato kaj komencis aŭskulti. Ankaŭ ŝi ekaŭdis malbonsignan obtuzan bruon.

— Eble, tio ĉi estas vento, — diris ŝi. — Ĉu vi estas konvinkita, Deniso, ke tio ĉi estas glacirompiĝo.

— Tio ĉi estas pro niaj pekoj, sinjorino. — Deniso ekspiris kaj aldonis per milda voĉo. — Bonvolu iri supren, sinjorino. Vi jam estas malseka.

La homoj starantaj sur la bordo ekaŭdis mallaŭtan ridon, ridon infanan, feliĉan. Pala virino ridis. Deniso grakis. Li ĉiam grakis, kiam li deziris plori. — Ŝi komencas freneziĝi, — flustris li al maljuna silueto de kamparano. En la aero estiĝis pli lume. Aperis la luno kaj ĉio fariĝis videbla: la maro, la sinjorino, Deniso kaj malsaĝulo Peĉjo. Flanke staris kamparanoj. Baldaŭ ĉio, bruego de vento, muĝo de arboj, sonorado en preĝejo, dronis en la bruego de l'maro.

— Oni devas iri supren, — ekkriis Deniso. — La bordo tuj subakviĝos kaj krome baldaŭ komenciĝos la Kristnaska diservo. Iru hejmen, sinjorineto. Ĉi tio estas la volo de Dio.

Deniso aliris Natalion Sergejevna kaj singarde prenis ŝin je brako.

— Ni iru, sinjorino — li diris delikate per kompatema voĉo. La sinjorino flankenŝovis Denison per sia mano, kaj vigle levinte la kapon ŝi iris al la ŝtuparo. Ŝi jam ne estis tiel mortpala, sana vangruĝo ludis sur ŝiaj vangoj, kvazaŭ en ŝian organismon oni estus verŝinta freŝan sangon; la okuloj jam ne estis plorantaj. Ŝi sentis nun, ke ŝi mem, sen ia helpo, povas trairi la tutan ŝtuparon. Haltinte sur la tria ŝtupo ŝi staris senmove. Antaŭ ŝi staris alta belstatura viro

en grandaj botoj kaj duonpelto. — Ĝi estas mi, Nanjo, — diris la viro. Natalia Sergejevna ekŝanceliĝis. En la alta fela ĉapo, nigraj lipharoj kaj nigraj okuloj ŝi ekkonis sian edzon, bienposedanton Litvinov. La edzo levis ŝin sur la brakojn kaj kisis ŝian vangon. Li estis iom ebria.

— Ĝoju, Nanjo, — li diris. — Mi ne perdiĝis sub neĝo kaj ne dronis. Dum neĝblovado kun miaj bravuloj mi atingis la urbon Taganreg kaj de tie mi alveturis al vi. — Li balbutis kaj ŝi pale kaj tremante rigardis lin per timemaj kaj senkomprenaj okuloj. Ŝi ne kredis. — Kiel vi malsekiĝis, kiel vi tremas, — flustris li, alpremante ŝin al sia brusto. Sur lia vizaĝo ebria de feliĉo kaj vino aperis milda, infane bona rideto. Lin oni atendis en tiu ĉi malvarmo, en tiu ĉi nokta tempo. Ĉu tio ĉi ne estas amo? kaj li ekridis pro feliĉo. Akresona animŝira plorego respondis je tiu ĉi mallaŭta feliĉa rido. Nek bruego de maro, nek vento, nenio povis subpremi ĝin. Kun vizaĝo plena de malespero, la juna virino ne havis fortojn reteni tiun ĉi ploregon en si. El ĝi aŭdiĝis ĉio: kontraŭvola geedzeco, forta antipatio al la edzo, angoro de soleco kaj fine aperinta espero je libera vidveco. Tuta ŝia vivo kun ĉagrenoj, larmoj, kaj doloroj vidiĝis en tiu ĉi plorego, kiun ne povis mallaŭtigi eĉ glacipecoj. La edzo komprenis tiun ĉi ploregon, ĉar estis neeble ĝin ne kompreni.

— Al vi estas malĝoje, ke min ne superŝutis neĝo aŭ ke min ne dispremis glacipecoj — balbutis li. Sur lia vizaĝo aperis malĝoja rideto. Li malsupreniris sur la ŝtupoj kaj mallevis la edzinon sur teron.

— Estu, kiel vi volas — diris li.

Sin forturninte de la edzino li ekiris al boato. Tie malsaĝulo Peĉjo tiris la boaton sur akvon.

— Kien vi volas? — demandis lin Litvinov.

— Al mi estas dolore, via moŝto. Mi volas droni. Al dronintoj ne estas dolore.

Litvinov saltis en la boaton. La malsaĝulo sekvis lin.

— Adiaŭ Nanjo, — ekkriis la bienposedanto. — Havu kion vi atendis, starante tie ĉi en la malvarmo.

La malsaĝulo svingis per la remiloj kaj la boato eknaĝis renkonte al altaj ondoj.

— Remu, Peĉjo, remu — parolis Litvinov. Plue, plue. — Litvinov, apoginte sin kontraŭ la rando de la boato, balanciĝis kaj rigardis malantaŭen. Malaperis lia Nanjo, fine malaperis la bordo.

— Revenu — li estis aŭdinta virinan voĉon.

En tiu ĉi „revenu", ŝajnis al li, estis diritaj: senespero kaj varmo, ĵus ekflaminta amo. Revenu!

Ĉe Litvinov komencis batiĝi la koro. Lin vokis la edzino kaj krom tio, sur la bordo, en la preĝejo, oni sonorigis al Kristnaska diservo.

— Revenu — ripetis petege tiu ĉi voĉo.

Eĥo ripetis tiun ĉi voĉon. Trakrakis tiun ĉi vorton glacipecoj, diradis ĝin la vento, kaj ankaŭ la Kristnaska sonorado diradis: revenu, revenu!...

— Ni veturu returne — diris Litvinov, ektirinte la malsaĝulon ĉe lia maniko, sed la malŝaĝulo ne aŭdis kaj laboris per siaj longaj manoj. Litvinov kaptis liajn manojn kaj ektiris ilin malantaŭen. Sed la manoj estis malmolaj kiel ŝtono kaj estis malfacile forigi ilin de la remiloj. Krom tio jam estis malfrue. Renkonte al la boato naĝis grandega glacipeco.

Ĝis mateno estis staranta pala virino sur la mara bordo. Kiam ŝin, duonfrostmortan kaj lacigitan de anima doloro, oni forportis hejmen kaj enlitigis, ŝiaj lipoj ankoraŭ daŭrigis flustri: Revenu!

Dum nokto je Kristnasko ŝi komencis ami ŝian edzon. El la rusa: *Anatolio Volohov*

---

# LA EGOISTA GIGANTO

**OSCAR WILDE**

Ĉiun posttagmezon, veninte el la lernejo, la infanoj kutimis iri en la ĝardenon de l'Giganto kaj ludi tie.

Ĝi estis granda, bela ĝardeno kun mola verda herbo. Tie ĉi kaj tie super la herbo staris belaj floroj, kvazaŭ steloj kaj estis tie dek du persikarboj, kiuj printempe ĝermis delikatajn, rozajn-perlajn floretojn, kaj aŭtune portis riĉan fruktaron. Birdoj sidis sur la arboj kaj tiel dolĉe kantis, ke la infanoj ofte ĉesigis siajn ludojn por aŭskulti ilin. „Kiel feliĉaj ni estas!" kriis unu al la alia.

Iun tagon la Giganto revenis. Li estis vizitinta sian amikon, la Kornvalan hommanĝanton kaj restinta ĉe li sep jarojn. Kiam la sep jaroj forpasis, li estis jam dirinta al li ĉion, kion li havis por diri, lia konverspovo estis limita kaj li decidis, sin returni al sia kastelo. Alveninte, li vidis la infanojn ludantajn en la ĝardeno.

„Kion vi faras ĉi tie?" kriis li per tre malafabla voĉo; kaj la infanoj forkuris.

„Mia propra ĝardeno estas mia propra ĝardeno", diris la Giganto; „tion ĉiu povas kompreni, al neniu mi permesos ludi en ĝi, krom al mi mem." Tiam li konstruis altan muron ĉirkaŭ ĝi, kaj suprenmetis averttabulon:

| |
|---|
| TRANSPAŜINTOJ<br>ESTOS<br>JUĜE PUNATAJ |

Li estis tre egoista Giganto.

La kompatindaj infanoj nun ne havis lokon por ludi. Ili provis ludi sur la landvojo, sed la landvojo estis tre polva kaj plena de malmolaj ŝtonoj, kaj ili ne ŝatis ĝin. Ili vagadis ĉirkaŭ la alta muro, kiam iliaj lecionoj estis finitaj, kaj ili parolis pri la bela ĝardeno interna. „Kiel feliĉaj ni estis tie," diris ili, unu al la alia. Poste venis la Printempo, kaj ĉie en la lando estis etaj floroj kaj etaj birdoj. Nur en la ĝardeno de l'Egoista Giganto ankoraŭ estis Vintro. La birdoj ne deziris kanti en ĝi, ĉar ne estis tie infanoj; kaj la arboj forgesis ekflori. Foje bela floro elmetis sian kapon el la herbo, sed kiam ĝi vidis la averttabulon, ĝi tiel malĝojiĝis pri la infanoj, ke ĝi malaperis reen, en la teron, kaj denove ekdormis.



Pettenkofen

Transporto de vunditoj

La nuraj personoj, kiuj estis kontentaj, estis Neĝo kaj Frosto. „Printempo forgesis ĉi tiun ĝardenon", ili kriis, „tial ni travivos tie ĉi la tutan jaron". Neĝo tutkovris la herbon per sia granda blanka mantelo, kaj Frosto arĝente pentris ĉiujn arbojn. Poste ili invitis la Nordan Venton ke li restadu kun ili, kaj li venis. Li estis ĉirkaŭvolvita per pelto, kaj muĝadis la tutan tagon en la ĝardeno, kaj blove faligis la kamentubajn ĉapelojn. „Jen estas rava loko", li diris, „ni devas peti Hajlon pri vizito." Tiam Hajlo venis. Ĉiutage dum tri horoj li brufrapis sur la kastela tegmento, ĝis li disrompis la plejparton de l'ardezoj, kaj poste li kuris tien kaj reen ĉirkaŭ la ĝardeno tiel rapide, kiel li povis. Li estis grize vestita, kaj lia elspiro estis, kiel glacio.

„Mi ne povas kompreni, kial Printempo tiel malfruas veni", diris la Egoista Giganto, kaj li sidis ĉe fenestro kaj elrigardis al sia malvarma, blanka ĝardeno; „mi esperas, ke okazos ŝanĝiĝo en la vetero".

Sed la Printempo neniam venis, nek la Somero. La Aŭtuno donacis orajn fruktojn al ĉiu ĝardeno, sed al la ĝardeno de l'Giganto ŝi nenian donacis. „Li estas tro sinama" diris ŝi, kaj Norda Vento, kaj Hajlo, kaj Frosto, kaj Neĝo ĉirkaŭdancadis inter la arboj.

## VESPERE

Sanga grandega oranĝo
Pendas sendifekte
Super longstria nubetaro
Je la horizonto.
Mirinda kolorludo
Opaloj, smeraldoj, turkisoj, rubenoj.
Mallaŭta birda pepado.
Ĉio trankviliĝis atendante.
Subite la oranĝo difektiĝas,
Malrapide dronante en la nuboj:
Duona globo,
Kvarona globo,
Eklipso.
Mi preĝas:
Bonan nokton!
Ĝis revido! . . .
Purpuraj rebriloj
En la zenito.
La koloroj paliĝas.
Malforta venta ekblovo,
Muĝeto en la arboj:
Dio resalutis.

*Zanoni*

## SENREVENE

Pro la tempo forfluanta mi ekploras,
Ke la floro, kiu floris, jam ne floras,
Ke ĉio perdiĝas senrevene,
Ke ĉio solviĝas senkatene,
Ke ĉiu ĝojo kaj ĝuo pasas,
Apenaŭ signon de si relasas . . .
Kaj ĉio pasanta el brusto interna
Forŝiras peceton je daŭro eterna.
Fluu larmoj!
For la ĉarmoj!
Ĉio finita,
Kanto kantita!
Kaj rememoro? — vi demandas —
Ho mia koro! Eĉ ĝin fandas
Konscio, ke forflugis ĵus en vento
Feliĉa, plej feliĉa la momento!

*Zanoni*

Iun matenon, la Giganto sendorme kuŝis sur sia lito, kiam li ekaŭdis belan muzikon. Ĝi tiel dolĉe sonis al liaj oreloj, ke li pensis, ke certe la Reĝaj muzikistoj pasas pretere. Reale ĝi estis nur eta kanabeno kantanta antaŭ lia fenestro, sed de tiom longe li ne aŭdis birdon kantantan en la ĝardeno, ke tio ŝajnis al li la plej bela muziko en la mondo. Tiam Hajlo ĉesis dancadi super lia kapo, kaj Norda Vento ĉesis muĝadi, kaj dolĉega odoro venis al li tra la malfermita fenestreto. „Mi kredas, ke fine venis Printempo" diris la Giganto; kaj li saltis el sia lito kaj rigardis eksteren.

Kion do li vidis?

Li vidis plej mirindan vidaĵon. Tra trueto en la muro la infanoj estis enrampintaj, kaj sidis sur la branĉoj de l'arboj. Sur ĉiu arbo, kiun li povis vidi, estis infaneto. Kaj la arboj tiel ĝojis, havante la infanojn reveninta j, ke ili estis kovriĝintaj per floretoj, kaj milde balancis siajn brakojn super la infanaj kapoj. Birdoj ĉirkaŭflugis kaj ĉirpis ravite, kaj floroj suprenrigardis tra la verda herbo kaj ridis. Estis bela vidaĵo, sed en unu angulo ankoraŭ estis Vintro. Ĝi estis la plej malproksima angulo de l'ĝardeno, kaj en ĝi staris knabeto. Li estis tiel malgranda, ke li ne povis atingi la branĉojn de l'arbo, kaj vagis ĉirkaŭ ĝi, dolore plorante. La kompatinda arbo ankoraŭ estis tute kovrita per prujno kaj neĝo, kaj Norda Vento blovis kaj muĝis super ĝi. „Surgrimpu! knabeto", diris la Arbo, kaj ĝi klinis siajn branĉojn kiel eble plej malalten; sed la knabo estis tro malgranda.

Kaj la koro de l'Giganto tuŝiĝis, dum li rigardis eksteren. „Kiel egoista mi estis!" diris li; „nun mi scias, kial Printempo ne volis veni ĉi tien. Mi metos tiun kompatindan knabeton sur la arban supron, kaj poste mi disfaligos la muron, kaj mia ĝardeno por ĉiam kaj ĉiam estos la ludejo de la infanoj." Li vere tre pentis pri tio, kion li faris.

Tial li rampis malsupren, kaj tute senbrue malfermis la antaŭpordon, kaj eliris en la ĝardenon. Sed kiam la infanoj lin vidis, ili tiom ektimis, ke ĉiuj forkuris, kaj la ĝardeno fariĝis denove Vintra. Nur la eta knabo ne kuris, ĉar liaj okuloj estis tiel larmoplenaj, ke li ne vidis la Giganton venantan, kaj la Giganto ŝteliris malantaŭ lin, prenis lin afable en sian manon kaj metis lin sur la arbon. Kaj tuj la arbo ekfloris, kaj la birdoj venis kaj kantis sur ĝi kaj la knabeto etendis siajn brakojn kaj ĉirkaŭprenis la kolon de l'Giganto kaj kisis lin. Kaj la ceteraj infanoj, kiam ili vidis, ke la Giganto ne plu estas malbonanima, kure revenis, kaj kun ili revenis Printempo. „Ĝi estas de nun via ĝardeno, infanetoj", diris la Giganto, kaj li manprenis grandan hakilon, kaj disfaligis la muron. Kaj kiam homoj, je tagmezo, iris al la vendejo, ili trovis la Giganton ludanta kun la infanoj en la plej bela ĝardeno, kiun ili iam vidis.

La tutan tagon ili ludis, kaj je la vespero ili iris al la Giganto por adiaŭi lin.

„Sed kie estas via malgranda kunulo?" diris li, "la knabo, kiun mi metis sur la arbon." La Giganto amis lin pleje, ĉar li kisis lin.

„Ni ne scias," respondis la infanoj; „li foriris."

„Vi devas diri al li, ke li estu sentima kaj venu morgaŭ tien ĉi" diris la Giganto. Sed la infanoj diris, ke ili ne scias, kie li loĝas, kaj neniam vidis lin antaŭe; kaj la Giganto sentis sin tre malgaja.

Ĉiun posttagmezon, kiam la lerno estis finita, la infanoj venadis ludi kun la Giganto. Sed la knabeto, kiun la Giganto amis, neniam estis revidata. La Giganto estis tre bona al ĉiuj infanoj, tamen li sopiris sian unuan amiketon kaj ofte parolis pri li. „Kiom mi volus lin vidi!" diradis li.

Jaroj pasis, kaj la Giganto fariĝis tre maljuna kaj malforta. Li ne povis ludadi, kaj sidis sur grandega fotelo, kaj rigardadis la infanojn ĉe iliaj ludoj, kaj admiris sian ĝardenon. „Mi belajn florojn havas," diris li, „sed la infanoj estas la plej belaj el ĉiuj."

Dum unu vintro li rigardis el sia fenestro, sin vestante. Nun li ne malamis Vintron, ĉar li sciis, ke ĝi estas simple Printempo dormanta, kaj ke ripozas la floroj.

Subite li frotis siajn okulojn, mirante, kaj longe rigardis. Certe estis mirinda vidaĵo. En la plej malproksima angulo de la ĝardeno estis arbo tute kovrita per belaj, blankaj

floretoj. Tute oraj estis ĝiaj branĉoj, kaj de ili arĝenta fruktaro pendis, kaj sub ĝi staris la knabeto, kiun li amis.

Malsuprenkuris la Giganto, kun granda ĝojo, kaj eksteren, en la ĝardenon. Li rapidis tra la herboj, kaj venis apud la infanon. Kaj kiam li tute proksimiĝis, lia vizaĝo fariĝis ruĝa pro kolero. „Kiu kuraĝis cin vundi?" li diris, ĉar sur la manplatoj de la infano estis la postsignoj de du najloj, kaj du najlaj postsignoj estis sur la piedetoj.

„Kiu kuraĝis cin vundi?" kriis la Giganto; „diru al mi, ke mi prenu mian grandan glavon kaj buĉu lin."

„Ne!" respondis la infano; „tiuj ja estas la vundoj de Amo."

„Kiu ci estas?" diris la Giganto, kaj stranga respekta timo falis sur lin, kaj li ekgenuis antaŭ lain faneto.

Kaj la infano ridetis al la Giganto, kaj diris al li: „iam vi lasis min ludi en via ĝardeno; hodiaŭ vi venos kun mi al mia ĝardeno, kiu estas la Paradizo".

Kaj kiam la infanoj enkuris la ĝardenon en tiu posttagmezo, ili trovis la mortan Giganton, kuŝantan sub la arbo, tute kovrita per blankaj floretoj. El la angla: *Arnold Pravatinez*

---

# EL LA „MALTRANKVILOJ"

## IVO ANDRIĈ

### PRI LA VENKOJ

De jaro al jaro mi aŭskultas kriegon pri venko, kaj pli kaj pli estas pli malmulte da pano en la mondo kaj da forto en la homoj, dum tra la tero pasas la mensogo pri la venko.

Via venko havas malaltan frunton kaj ruĝajn okulojn. La rigardo de venkinto estas maltrankvila. Malbenita estas via ardega venka vino. Ho, ĝi ne freŝigas kaj ne ĝojigas!

Dio tenas la manon sur la verto de la venkitoj kaj la venkinto estas sola kaj lia ĝojo ardas kaj estingiĝas. La espero, konsolo kaj beleco, ekzistantaj en la mondo, malkovriĝas al la okuloj de l' venkitoj; la venkintoj estas blindaj, ili tremas kaj ardegas, kaj havas nenion krom sia sovaĝa, arda ĝojo, post kiu restas cindro.

Ĉar kio alia estas la hodiaŭaj venkoj, ol malvenkoj? En la okuloj de l' homa solulo ne estas gajnitaj kaj perditaj bataloj, sed en ĉiuj militoj, egale en la gajnitaj kaj perditaj: unu venkita homaro.

La ventoj migras kaj la pluvoj iras, bonaj kaj fruktodonaj, ĉiam egalaj, kaj la standardoj iom post iom disiĝas; kaj la koloroj paliĝas kaj ĉion oni forgesas, kaj la homo restas ĉiam la sama, kurbiĝinta sub doloro kaj persista en laboro; velkas girlandoj kaj putras standardoj kaj restas la homo kiu semas kaj laboras kaj la pluvo kiu lin helpas. Kiu venkos la homon?

Estas nur ke Dio por momento forturnis la vizaĝon kaj lasis la mondon en mallumo, kaj vi kriegas: la *venko*, sed venko ne ekzistas, nur malgranda sanga mensogo kaj granda malfeliĉo.

Tiuj venkintoj estas palaj kun grandaj malbelaj buŝoj, kaj la sango kuniĝis en iliaj okuloj, sed ilin hontigos iun matenon la maro per sia trankvilo kaj la kampoj per sia sankta silento.

Ĉio ĉi estas nur mallonga malbela sonĝo, tiu parolo pri la venkoj. Ekzistas nek malvenkoj nek venkoj, sed ĉiam kaj ĉie, ĉe la venkitoj same kiel ĉe la venkintoj: la suferanta kaj humiligita homo.

---

### LA INFANOJ

En aprilo de la jaro 1917-a, kiam la ŝtato dividis al ĉiu hejmo kilogramon da maiza faruno por la semajno kaj kiam la homoj formanĝis ĉiun herbeton de maizo kaj aceran ŝelon, ĝis iliaj piedoj ŝvelis kaj ĝis ili vice komencis morti, en tiu aprila monato elmigris en la stratojn sennombra infanaro.

Mi ne scias kiel okazis tiun jaron pri la birdoj kaj lilioj, sed tiun infanaron Dio vere forgesis. La infanoj estis en la tuta urbo, sur la pontoj, ĉirkaŭ vendejoj, en fosoj apud vojo, ĉirkaŭ militistloĝejoj.

Al la urbaj infanoj alvenadis novaj el la vilaĝoj kaj ĉirkaŭaĵo. Ĉiun tagon estis pli multe da ili. Multaj plu eĉ ne revenis vilaĝon, kie apud la malsato estis ankaŭ la tifo, ili restis en la urbo kaj vagadis tage kaj nokte. Sur la vojoj, kiuj gvidas en la urbon, staris dum la tuta tago la patroloj kaj revenigis ilin en la vilaĝojn, sed ili ĉirkaŭiris per flankvojetoj, transpaŝis riveretojn kaj iris trans plugitaj, malsekaj kampoj kaj atingis la urbon tiel ĉifitaj, kun ŝelo de ruĝa glino sur la nudaj piedoj kaj kun malsato en la avidaj buŝoj. Ĝendarmoj ilin batis kaj persekutis, sed ne arestis, ne povonte ilin nutri.

Sur la maldikiĝinta korpo kaj maldikaj piedoj, iliaj kapoj ŝajnis terure grandaj kaj iliaj rigardoj fariĝis maljunule malakraj kaj la vizaĝoj malgrandaj, sulkumitaj kaj makulitaj kiel rafanoj, kiuj vintre velkas sur bedoj.

La urbeto svarmis pro la infanoj. Ili paŝis en la rivereto, kiu fluis antaŭ la soldata buĉejo kaj ĉasis pecetojn de intestoj, kiujn oni ĵetis en la akvon; ili kolektis la ostetojn de sekaj prunoj, frapis ilin sur la trotuaro kaj manĝis la maldolĉan kernon el ili; sur sterkejo, malantaŭ oficiraj kuirejoj, ili kaptadis elĵetitajn malplenajn konzervujojn, ellavadis ilin per varma akvo kaj ĝin trinkis; ili, por trompi la malsaton, maĉadis bastonon de sambuko tiel longe, ĝis sango ekfluis el iliaj buŝoj; ili provis folion de primolo kaj panon el pteriso; ili nokte ŝteliris en apenaŭ kulturitajn ĝardenojn kaj per la fingro elfosis hieraŭ metitan terpomon; ili almozpetis, ŝtelis,

rabis, sed ĉio ĉi ne sufiĉis por plene sin nutri kaj resti vivanta.

Ŝajnis kvazaŭ en la urbo malsatus nur la infanoj. La viroj estis maloftaj, la virinoj silentis kaj laboris, sed la infanoj per nenio lasis sin trompi kaj konsoli, ili vagis tra la urbo la tutan tagon, kaj multaj ankaŭ dormis sub la tabuloj de domoj, detruitaj dum la pasintjaraj bataloj. En la mallarĝa strato antaŭ la provizejo kuŝas la tutan tagon, kiel garboj, tiom da infanoj ke trairante oni devas rigardi ke oni ne paŝu sur iliajn piedojn, vane ilin la policistaro persekutas, ili ĉiam denove revenas kaj kuŝiĝas apud la magazeno kaj spionas.

Mortadis ankaŭ la pli maljunaj, sed precipe la infanoj. Ĉiun tagon po unu malaperis el la vagado; ĝi kuŝis antaŭ la Granda Ĥano aŭ sur la tabloj apud la ponto, kun ŝvelaj subokulaĵoj kaj rigardis antaŭ sin en la trotuaron, sen voĉo kaj movo.

Restaĵo de iu granda eŭropa restoracio estus povinta savi tiujn infanojn, sed la nutraĵo estis tiun jaron neegale dividita en la mondo kaj ne estis helpo; ili mortadis, unue la infanoj kaj poste la pli aĝaj.

Al tiuj, kiuj transvivis, — ĉion oni forgesas kaj ĉio pasas! — la abomena gusto de la pteriso kaj la malseka faruno jam delonge malaperis el la buŝo, sed tiujn infanojn estas malfacile forgesi, se iu ilin nur unufoje vidis sidantaj en la ĉifonoj de hejma drapo kaj soldata vesto kaj maĉantaj la freŝan trifolion, dum en la anguloj ambaŭflanke de la buŝoj gutas la verda kraĉaĵo! Kaj terura estas la penso ke eble unufoje tiuj infanoj estos fantomaj atestantoj ĉe iu terura juĝo, kie pli bone oni rigardos kaj pli juste oni juĝos ol en aprilo de jaro 1917.

---

## RAKONTO EL JAPANIO

Dum la regado de reĝino Au-Ung estis, inter kondamnitaj tricentkvindek konspirantoj, ekzilita ankaŭ poeto Mori Ipo.

Tri jarojn li travivis sur la plej malgranda el la Sep Insuloj, en dometo el junko. Kaj kiam la reĝino malsaniĝis kaj kiam ŝia potenco komencis pli kaj pli malgrandiĝi, li sukcesis, kiel ankaŭ la plimulto de la tricentkvindek, reveni en la ĉefurbon Jedo. Li loĝis en la periferio de l' urbo, en parto de iu pastra konstruaĵo.

La urbanoj, sataj de la sanga regado de l' malprudenta kaj kruela reĝino, ekamis la poeton, kaj jam tiuj tricentkvindek estis liaj nedisigeblaj amikoj. De mano al mano migris liaj mallongaj versoj pri kuraĝo kaj morto, kaj lia bona rideto estis en iliaj diskutoj kiel vorto kiu destinas.

Tiam okazis ke pro la veneno de l' ĝenerala malamo mortis la reĝino neatendite subite. Ŝiaj malbonaj korteganoj diskuris, kaj ŝi kuŝis ŝvelinta kaj malbelega en la senviva kastelo kaj estis neniu kiu ŝin enterigu.

Rapide kunvenis la tricentkvindek konspirantoj kaj transprenis la regadon. Ili dividis inter si la agojn kaj honorojn kaj komencis regadi per unika imperio sur la Sep Insuloj.

Kiam en la kastelo de la iama reĝino okazis la unua solena kunsido, sin nombris la tricentkvindek kaj vidis ke unu forestas kaj kiam oni tralegis la liston de ĉiuj konspirantoj, oni vidis, ke forestas poeto Mori Ipo. Ili ne volis interkonsili, sed tuj sendis serviston kun veturileto al li. Post iom revenis la servisto kun malplena veturileto; al li estis dirite, ke Mori Ipo forvojaĝis kaj ke li por la konsilantaro de la tricentkvindek restigis skribitan sciigon. La plej aĝa en la konsilantaro akceptis la volvitan paperon kaj transdonis al la estro de l' ŝtataj scienculoj kaj tiu ĉi komencis ĝin laŭte legi:

„Mori Ipo salutas, disiĝante, kunulojn siajn, konspirantojn!

Mi dankas vin, kunuloj miaj, pro la komuna sufero kaj fido kaj venko kaj mi vin petas pardoni al mi ke mi ne povas distribui ankaŭ la regadon kiel mi distribuis la batalon. Sed la poetoj estas — kontraŭe al la aliaj homoj — fidelaj nur en la sufero, kaj forlasas tiujn, al kiuj estas bone. Ni, poetoj, estas naskitaj por bataloj; ni estas pasiaj ĉasantoj, sed el la rabaĵo ni ne manĝas. Maldika kaj nevidebla estas la baro, kiu min disigas de vi, sed ĉu ankaŭ akraĵo de glavo ne estas maldika kaj tamen ĝi estas mortoporta; sen domaĝo por mia animo mi ne povas trans ĝin al vi, ĉar mi toleras ĉion krom potenco. Pro tio mi vin forlasas, kunuloj konspirantoj, kaj mi iras ekserĉi, ĉu ekzistas ie penso kiu ne estas efektivigita kaj sopiro kiu ne estas kontentigita. Kaj vi regu prudente kaj feliĉe, sed se venos iam en nian imperion sur la Sep Insuloj ia mizero kaj provo kaj estos necesaj batalo kaj konsolo en la batalo, ekserĉu min, mi petas vin."

Tie la prezidanto de la konsilantaro, kiu estis iomete surda, ĉesigis la legadon kaj per maljunula malpacienco, kun malagrablo en la voĉo, diris:

— Kia mizero povas okazi en la imperio dum la justa kaj liberpensa regado de la tricentkvindek!?

Ĉiuj konsilantoj klinis la kapojn: la pli aĝaj ekridetis malestime kaj kompate: Kia mizero!? La legadon oni ne daŭrigis, sed komencis interkonsili pri la leĝo por la importo kaj limimposto.

Nur la estro de la ŝtataj scienculoj tralegis la sciigon de l' poeto, sed ne laŭte, kaj tiam li ĝin volvis kaj metis en la arĥivon de la iama reĝino.

El la serbokroata: *Fran Janjič*





Pettenkofen

Ciganoj

# JE VESPERO

BIRZNIEKS-UPITS

n la meza mezo de la arbaro, ĉe bordo de vojo kovrita de musko: kliniĝinta griza domo kaj kontraŭflanke je la alia bordo: sabla monteto, kovrita de grizaj floretoj. Tie antikva tombejo. De aliaj lokoj oni jam malofte enterigas tien ĉi, sed ne estis okazo, ke el la loĝantoj de la griza domo iu estus aliloken forkondukita al lasta ripozejo.

En la griza domo estas ĉiam silento. Loĝantoj tie estas malmultaj, ĉar nevolonte iu ekloĝas tie, povante iel trovi rifuĝejon aliloke. Nun tie estas nur kvar loĝantoj: Jancis de Andarte, tajloro Buncis, Klavs de l' Mondo kaj la maljuna Ukaĉa.

Jancis de Andarte estas la sola, kiu estas plene kontenta je sia nuna sorto. Li neniam ĝuis memstaran vivon: de la plej maljuna infanaĝo li estis je dispono de mastroj kaj mastrinoj, poste de sinjoroj kaj de Andarte; fariĝinte malvigla kaj ne povante plu servi al sinjoroj, post la enterigo de Andarte li iris en la grizan domon kaj tie ankoraŭ ĉiam li portas la nomon de sia mortinta edzino.

La tajloro Buncis jam multfoje foriris el la griza domo, sed ĉiufoje li devis reveni. Antaŭe, kiam li ankoraŭ povis vidi kudri kaj per sia violono scipovis solo-ludi dum baloj kaj aliaj festenoj, li estis ĉie bone akceptita loĝanto. Sed nun, vole-ne-vole, li devis resti ĉi tie.

Klavs de l' Mondo nenie havis rifuĝejon, kvankam li plej multe koleris pri la griza domo. Se ne estas lia paralizita maldekstra piedo, kiun irante li devis ĉiam treni, li ne restus tie eĉ momenton. En la vasta mondo, kiun li sufiĉe travagadis dum sia vivo, ankoraŭ multe oni povus fari, sed kion komenci kun tia piedo, kun netaŭga viandopeco?

La maljuna Ukaĉa ofte sin preparis foriri al parencoj kaj ne reveni plu. Sed se ŝi matene foriris, jam ĉirkaŭ tagmezo li denove silente revenis kaj eĉ ne respondis, kiam la kamaradoj demandis, kial ŝi ne restis ĉe la parencoj. Posttagmeze ŝi neniam sin preparis iri al la parencoj, por ke ŝi ne devu reveni malfrue vespere. Tiom malmulte ŝi mem kredis je la restado ĉe l' parencoj

*

De la distrikta estraro, escepte la loĝejon en la griza domo, neniu el ili ricevis eĉ tiom, kiom oni bezonas por nutrado: Jancis de Andarte ankoraŭ povas iri almozpeti, Buncis povas perlabori per violonludo, Ukaĉa'n subtenas la parencoj, sed Klavs de l' Mondo restis ŝuldanta imposton kaj vagadis ĉirkaŭe; kie la distrikta estraro prenu ion por doni al tiaj?

Kaj la griza domo trenis sian malĝojan vivon, laŭ sia povo.

Jancis de Andarte pendigis saketon sur sian kolon, prenis blankan juniperan bastoneton kaj iradis dum tutaj tagoj. Komence, ĝeniĝeme, nur en sia distrikto. Li eniras korton, karesas hundojn, longe staras ĉeporde, timeme malfermas ĝin kaj, silentante, alpremiĝas post la pordo sur kuŝbenkon. Li ricevas jen manĝi, jen peceton en la saketon, sed kie li estis sidanta nerimarkite, de tie li foriras malplenmane. Insultite de la preĝejestro, kia almozulo li estas, kiu scias nek diri preĝojn, nek kanti kanton, Jancis de Andarte komencis en ĉiu domo diri preĝojn kaj kanti, iom post iom li alkutimiĝis al sia metio kaj kelkfoje iris ankaŭ ekster la distrikto.

Hejmen li revenis, kiam liaj saketoj estis plenaj de malmolaj panpecoj kaj diversaj manĝaĵoj. Denove li iris almozpeti, kiam ĉio estis formanĝita.

Buncis komence kelkfoje estis invitita ludi dum festenoj kaj alportis po rublo, po duonrublo, sed poste li komencis plendi, ke lian violonon anstataŭas harmoniko: tiu, kiam oni komencas ludi per ĉiuj basoj, faras multe pli grandan bruadon ol lia violono. Kvankam ne estas en ĝi tia delikateco, kian havas lia violono, tamen la harmoniko ĝin tute nuligas. Kaj Bunĉis komencis amikiĝi kun Jancis de Andarte, sopiri lian revenon, gastiĝi ĉe liaj sakoj. Je la veno de l' jarfoiro Buncis longe ĝojis kaj multe esperis, promesis por Jancis ankaŭ aĉeti tabakon, sed nenio plenumiĝis — pro la pluvo li devis resti hejme kun sia violono. Li provis post tio dimanĉe ludi ĉe la preĝejo, sed la pastro malpermesis. Tiel restis al Buncis ludi nur por Jancis, kiam tiu revenis kun sakoj, ĝis kiam disŝiriĝis la lastaj kordoj kaj la violono por ĉiam silentiĝis.

Klavs de l' Mondo plektis korbojn kaj korbetojn. Somere, sin kaŝante de la arbaristo, li lamadis tra arbaro, tiris hejmen salikajn kaj nuksarbajn branĉojn kaj faris vergojn. Li sidis tiam surplanke, ĵetinte flanken la paralizitan maldekstran piedon, plektis korbojn kaj metis ilin en angulon. La maljuna Ukaĉa disportis ilin al siaj parencoj kaj aliaj konatuloj kaj ŝanĝis ilin je manĝaĵoj. Vintre ŝi kelkfoje alportis stupon kaj kanabaĵon kaj Klavs de l' Mondo plektis ŝnurojn kaj katenojn. Ukaĉa mem perlaboris per ŝpinado.

Dum aŭtunaj kaj vintraj vesperoj oni nevolonte ekbruligis lumon, kvankam Klavs de l' Mondo kaj Ukaĉa havis siajn proprajn malgrandajn ladajn lampetojn: ili ŝparis la petrolon. Matene sinŝanĝe ekbrilis malgranda flave fumanta okuleto aŭ sur la seĝo de Ukaĉa aŭ sur la tablo de Klavs. Apenaŭ oni ekhejtis la fajrujon, la lampetoj estis tuj estingitaj.

Unua dum mateno, se ŝi nur ne malsanis, leviĝis ĉiam Ukaĉa, ekhejtis la fajrujon per vespere enportita ligno, enverŝis akvon en kaserolon kaj sidiĝis ĉe ŝpinilo. Apenaŭ la ŝpinilo komencis zumadi, leviĝis ankaŭ Klavs kaj stariĝis, kontraŭ la fajrujo, ĉe siaj katenoj. Jancis de Andarte kaj Buncis ankoraŭ longe dormis, ĝis la tagiĝo.

Akvon en la kaserolo boligis ĉiumatene Ukaĉa,

sed grion kaj, se estis, sebpecon donis kelkfoje Klavs kaj kelkfoje ankaŭ Jancis. Buncis havis ĝin neniam, sed po telero da manĝaĵo el la kaserolo ĉerpis ĉiuj. Panon manĝis ĉiu sian propran: Buncis plej ofte manĝis panon alportitan de Jancis.

La hejmlaboroj iom post iom aranĝiĝis de si mem: ĉambron balais kaj manĝilarojn lavis Ukaĉa, akvon de la puto kaj lignon alportis Buncis, tegmenton ripari, fenestrojn ŝtopi, pordojn ĉirkaŭforĝi, fajrujon plibonigi — estis la laboro de Klavs. Jancis de Andarte, kiam li estis sana, tage malofte estis hejme kaj tial libera de la hejmlaboro.

Dum sabatoj Klavs kaj Ukaĉa finis la laboron pli frue. Ankaŭ Jancis revenis dum krepuskiĝo. Ĉiuj sidis tiam, ĉiu sur sia lito kaj longe interparoladis, ĝis kiam ankoraŭ fajro briletis en la fajrujo.

Plej multe sciis rakontadi Jancis de Andarte; kune kun la panpecoj li estis kolektinta ankaŭ distriktajn novaĵojn.

Dimanĉe Jancis de Andarte, Buncis kaj Ukaĉa iris preĝejon. Post la prediko Jancis ĉiufoje sidiĝis ekstere flanke, ĉe la ŝtuparo, kaj kolektis kelkajn monerojn. Buncis tiam ĉiufoje petis Jancis prunti al li monon por aĉeti kordojn por la violono. Sed Jancis ĵuris, ke li ne havas tiom da mono kaj ne donis.

Komence Ukaĉa rakontadis hejme al Klavs, pri kio la pastro predikis, sed poste, kiam ŝi vidis, ke lin tio ne interesas, rakontadis plu nenion.

*

Iun malfruan aŭtunan posttagmezon Jancis de Andarte revenis kun duonplenaj sakoj kaj tuj enlitiĝis. Li plendis pri kapdoloro kaj febro. Buncis prenis de najlo sian pelteton kaj kovris per ĝi Jancis. Dum la tuta nokto li turniĝis de unu flanko sur la alian kaj nur matene li ekdormis.

Dum la sekvinta tago, ĝis tagmezo Jancis sin sentis tute bone, sed posttagmeze kaj je la vespero la kapdoloro kaj febro denove pligrandiĝis. Ukaĉa proponis al la malsanulo kaĉon kun sebo. Buncis alportis la supujon al la lito. Iom manĝinte, Jancis forpuŝis la supujon.

La sekvintan matenon la malsanulo sin sentis ree pli forta, eltiris el sub la matraco memfaritan monujon, donis kelkajn monerojn al Buncis por kordoj kaj petis alporti el la butiko acidan brasikon. Ĝin li manĝus. Sed kiam Buncis je vespero revenis kun la brasiko, Jancis estis ree pli malsana kaj deziris plu nenion. Je mateno li mortis. Ukaĉa unua ekaŭdis, ke Jancis ne spiras plu kaj ŝi vekis Buncis kaj Klavs.

Buncis legis iun mort-kaj enterigkanton, diris preĝon, tiam ĉiuj tri komencis lavi la mortinton, vestis lin per pura tolaĵo kaj remetis en la liton.

Apenaŭ tagiĝis, Buncis iris al la distriktestro kun la sciigo kaj al la sonorigisto, por ke li sonorigu pri la mortinto.

Je tagmezo venis la distriktestro kun du atestantoj el la distrikto, enlistigis ĉion, kion Jancis postlasis, prenis mezuron por ĉerko kaj foriris kun hakiloj kaj ŝoveliloj haki surmontete teron, fosi tombon por Jancis.

Post du tagoj alveturis ree la distriktestro kun kvar viroj kaj alveturigis ĉerkon kaj krucon. Aperis ankaŭ iu malproksima parenco de Andarte, alveturis preĝejestro kaj oni forportis Jancis de Andarte trans la vojon kaj enterigis surmontete.

Ukaĉa ploris dum la tuta tempo, Buncis staris kun peza kapo kaj nenion li komprenis. Nur kiam frostiĝintaj terpecoj komencis fali sur la ĉerkon, al li ŝajnis, kvazaŭ lin mem tie oni enterigus, kaj larmoj nehaltigeble komencis flui sur liajn vangojn.

Klavs staris, staris ĉe la tombo kun klinita kapo, tiam turniĝis kaj sola li komencis iri kun sia paralizita piedo malsupren, hejmen.

*

Restinte nur triope en la griza domo, ili ne trovis vortojn, kiujn diri inter si, ili evitis eĉ alrigardi unu la alian. Ĉiu luktis kun siaj pezaj pensoj. Apenaŭ krepuskiĝis kaj la fajro estingiĝis en la fajrujo, Ukaĉa kaj Klavs enlitiĝis. Ankaŭ Buncis enlitiĝis. Sed de la ofta litkrakado kaj neegala spirado oni povis senti, ke neniu estas ekdorminta. Post iom da tempo Buncis leviĝis kaj palpante en la mallumo, li alpaŝis kaj sidiĝis sur la liton de Klavs.

„Mi ne povas ekdormi, mi sidos iom ĉe vi!" Silento.

„Ĉu tiel nin ĉiujn vice oni forkondukos tien?" Buncis, post iom da tempo, silente ekdemandas.

„Al mi ŝajnas, ke li ankoraŭ ĉiam kuŝas ĉi tie sur sia lito, kiel dum ĉi tiuj tri tagoj," Buncis, post momento, daŭrigas. „Mi lin tre bedaŭras!"

„Oni ne devas lin bedaŭri," Klavs laŭte respondas. „Li fartas nun pli bone, ol vi, ol mi, ol Ukaĉa. Bedaŭri oni devis lin, kiam la unuan fojon li malfermis nian pordon kaj trapaŝis nian sojlon. Bedaŭri oni devis lin, kiam li de tag' al tago klinadis por ĉiuj sian dorson kaj laboradis por aliaj, ĝis li ricevis kalojn sur la manoj, kaj tamen ĉe la fino de la vivo li estis devigata vagadi apud fremdaj pordoj. Tiam oni devis lin bedaŭri. Nun li ripozos, rektigos sian dorson..."

Ree silento. Neegala spirado. Malantaŭ la fajrujo, supre ĉe la kamentubo, komencas grilo sian monotonan zumadon.

Ambaŭ viroj sur la lito pensas la saman akran penson. Sed neniu volas ĝin unua vortigi. Fine Buncis tamen eldiras:

„Sed kiel mi nun vivos?"

Klavs ankaŭ estas pensinta pri tio, ĉar la respondon li jam pretigis.

„Je via elekto estas du vojoj: la pli malfacila — preni liajn sakojn, la pli facila — sekvi lin."

La nigran silenton ree tranĉas nur la grilo per siaj flugiloj.

„Sed peko?" Buncis, fine, ekdemandas.

„Pri peko demandu viajn pastrojn," respondas Klavs.

Ankoraŭ iom Buncis sidas sur la lito, tiam malrapide li leviĝas kaj iras al sia dorm-loko.

*

Preskaŭ tutan semajnon Buncis kuŝas en sia lito ankaŭ tage, kvazaŭ malsana. Tamen li manĝas, kiam Klavs kaj Ukaĉa ion proponas al li. Tiam Buncis preparas amason da hakita branĉaĵo kaj la sekvintan matenon li foriras kun la sakoj de la mortinta Jancis sur siaj ŝultroj.

*

Post Kristnasko Ukaĉa sin sentis tre malforta. La ŝpinilo jam delonge staras senlabore. Ĉio estis ŝpinita, sed ŝi ne povis forporti kaj redoni al mastrinoj. Ankaŭ la katenoj de Klavs jam antaŭ longe estis finlaboritaj. La forportadon kaj alporton de nova laboro Ukaĉa ĉiam prokrastis je la venonta tago, kiam ŝi estos pli forta kaj ankaŭ la vetero plivarmiĝos. Sed tiam ŝi tute malsaniĝis kaj plu ne leviĝis. Klavs mem knedis kaj bakis panon el la lasta faruno. Li bakis ankaŭ kuketon. Sed la malsanulino manĝis nenion. Buncis alportis bulkon, sed ankaŭ ĝin ŝi ne volis. Post semajna malsanado, oni trovis ŝin iun matenon malvarma en ŝia lito.

Ree Buncis iris kun la sciigo al la distriktestro. Ree oni alveturigis ĉerkon kaj enterigis. Je la enterigo venis ankaŭ ŝiaj parencoj.

Ĉar neniu ploris, sin retenis ankaŭ Buncis kaj staris ĝis la fino de la enterigo, ĝis kiam ĉiuj komencis disiri; en la tombejo Klavs iris ankaŭ al la tombo de Jancis, rigardis je unu flanko, je la alia, kaj nur tiam li trenis sin hejmen.

La parencoj de la mortintino estis alportintaj brandon kaj regalis la funebrantojn. De la brando Buncis estis gajhumora kaj dum la tuta vespero tre parolema.

„Kiu povis imagi, ke Ukaĉa havas tiom amemajn parencojn. — Drinku tajloro . . . (ili min memoras pri tiu tempo, kiam mi ankoraŭ kudris) . . . vi ja kune loĝis . . . kun gloro enterigi . . . Nun vi restas nur duope: tiu lama Klavs de l' Mondo fartos nun pli malbone. Vi, tajloro, ĉiutage foriras, li dum la tuta tago estas sola hejme, ne estas viva homo, kun kiu interparoli . . ."

Klavs sidis sur sia lito, alrigardis

# SIBERIA

TEKSTO: JULIO BAGHY

Andantino

Hir-te flir-te flu-gas haroj, sib-las vintra vent' nor-de tor-de ĉi-ras koron larmoj kaj la sent'.. Kant' pat-ri-na plo-re sonas dor-mas fi-lo en lu-lil' nok-tan pacon por li donas song' in-fa-na en trankvil'...

Brue, skue blekas vento,
knaras ligna dom' . . .
Ĝeme, treme sin forkaŝas
besto kaj la hom' . . .
Vent' alportas sangan krion
tra l'glacia neĝa val',
Lastaspire petas Dion
preĝ' de l'patro en batal'.

„Baju baju, bajuŝki . . .
Ho, fileto, dormu vi . . .
Kri' de l'morto, ve', stertor'
flugu for de via kor'!
Baju . . . baju . . . bajuŝki . . .
dormu, filo, dormu vi!"

# LULKANTO

MUZIKO: J. AMMER

Prude krude fremdaj homoj
venas el insid',
Trompe, rompe, sangtriumfe
venkas la perfid' . . .
Kant' patrina plore sonas,
dormas filo en lulil' . . .
Teran pacon por li donas
sort' de l'patro en trankvil' . . .

„Baju. baju, bajuŝki,
Koro mia, filo, vi,
Anĝeleto, pala roz',
dormu pace en ripoz'!
Baju . . . baju . . . bajuŝki . .
dormu jam eterne vi! . . ."

la fumantan lampeton kaj diris nenion.

Nericevinte respondon, Buncis komencis denove:

„Pli malbone ja nun estos. Sen parolo vi ja ankoraŭ povas vivi. Kiel mutulo vi povas sidi dum tutaj tagoj. Sed kiu nun alportos laboron, disportos la korbojn? Ukaĉa sciis, kien iri, al kiu porti . . ."

„Ĉu vi ne tondos miajn harojn?" Klavs ekdemandas.

Buncis, kun miro, rigardas.

„Kiam?"

„Tuj."

„Kia tranĉado estas hodiaŭ? morgaŭ, dum la tago . . . per tondilo . . . tondilon mi havas, per lantondilo mi ne tondas, oni povas entranĉi orelon . . ." Kaj Buncis tiris el sub la matraco tondilon, volvitan en ĉifonoj. Kaj post momento li jam tondis la harojn al Klavs.

Post la hartondado, Klavs tiris el sub la lito katenojn kaj ŝnurojn kaj metis ilin ĉe la fajrujo en angulon. Tiam li estingis la lampeton kaj enlitiĝis vestita.

Buncis apenaŭ kuŝiĝinta sur sian liton, tuj ekdormis kaj komencis ronki.

*

La sekvintan matenon la suno jam brilis tra la fenestro, kiam Buncis vekiĝis. Lia buŝo estis sekiĝinta kaj li terure soifis. Frotinte la vizaĝon, li iris al la fajrujo, kie li sciis akvokruĉon. Sed, ne ĝisirinte la angulon de la fajrujo, li, kiel puŝita, turniĝis al la lito de Klavs. Ĝi estis malplena, sed Klavs estis ekgenuinta ĉe la lito. Ekvidinte la bluan vizaĝon kaj elkaviĝintajn okulojn de Klavs, Buncis tuj komprenis, ke Klavs sin pendigis.

„Ha, tial li volis, ke mi tondu hieraŭ al li harojn." Buncis pensis. Soifon dum tiu momento li tute ne sentis plu kaj malrapide li reiris kaj sidiĝis sur sian liton. Facila malforto ekprenis liajn membrojn. En lia kapo aperis penso, ke ree li devas iri kun sciigo al la distriktestro kaj sonorigisto. Pri la sonorigisto li ne estis certa, eble oni devos diri al la pastro aŭ preĝejestro, eble oni tute ne permesos sonorigi . . . Peko . . .

„Pri peko demandu viajn pastrojn," al Buncis kvazaŭ batis en la kapo, kvazaŭ eksonis en la oreloj. Li ne sciis, ĉu tion iu ĵus diris, aŭ

ĉu en lia memoro eksonis la tiamaj vortoj de Klavs. Por momento li kvazaŭ ŝtoniĝas, nenion komprenas. Tiam, kvazaŭ post facila rigidiĝo, li ree komencas pensi pri la distriktestro kaj pri si. Li diros al la distriktestro, ke li ne venos plu ĉi tien, ne loĝos ĉi tie, kion li faros sola?

Buncis leviĝas kaj survestas pelton. Ĉe la muro li ekvidas sian violonon kaj arĉon. Li deprenas la arĉon, prenas la violonon, ektuŝas hazarde kordon, tiu ektintas; Buncis rapide premas manplaton sur ĝin, mortigas la sonon. Metas la violonon subbrake kaj iras al la pordo.

Klavson li intence ne alrigardas. Sed malfermінте la pordon al li ŝajnas, kvazaŭ la paralizita piedo de Klavs estus ekmoviĝinta, kvazaŭ la tuta korpo estus kliniĝinta antaŭen, kvazaŭ Klavs ankoraŭ estus dezirinta diri ion al li, aŭ eĉ kapti lin.

Kaj dum momento Buncis ekkaptas tia teruro, kia ankoraŭ neniam dum la tuta vivo. Li sentas, ke varmego trakuras lian tutan korpon. Forte ferminte la pordon, li kun venta rapideco elsaltas sur la vojon, kaj kuregas tra la arbaro. En la oreloj zumadas, en la malfermita buŝo li sentas neordinaran sekecon, en gorĝo kaj pulmoj mankas spiro. Nur elirinte el la arbaro li ekhaltas kaj timeme rigardas returne. Liaj larmoplenaj okuloj vidas sole neĝon, en matensuno ardantan, brilantan...

Buncis subite ekmemoras, ke li forgesis sub la matraco sian, en ĉifonoj volvitan, tondilon.

„Ĝin oni devus kunpreni,“ li pensas, paŝante antaŭen sur la brilanta susuranta neĝo.

El la latva: *Ella Balod*

# PLENAĜA HOMO

I. A. BASSARABESCU *

rivatuloj de l'unua klaso, en la desegnejon! Blanka ĉambrego, simpla, kun muro kovrita de kajera foliaro, kie, helpe de karbo, manoj de komencantoj lasis la signojn de ilia fuŝo en formo de duona nazo, sola okulo, banala profilo, aŭ skizoj laŭ lerneja arĥitekturo, kun domoj desegnitaj laŭ sola tipo, nur en rektanguloj, sen stilo, sen vivo, Sub longa. polurita kverkobreto pendas kelkaj gipsreliefoj: faŭna figuraro; ĉarma infanbildo, vinberaro kaj aliaj diversaj modeloj; kaj sur la breto unu post alia, la mirakloj de l'nacia vazindustrio, koloritaj laŭ rumana motivo; botelo, kruĉo, florujo kaj vazo el tero.

La amaso de l'kandidatoj alkuregis la pordon, fermitan jam de unu horo. Dum kelkaj minutoj la benkaro tute pleniĝis je knaboj kaj knabinoj de ĉiu aĝo; sendiplomaj instruistinoj apud etaj liceanoj en uniformo, serĝentoj apud dekdujaraj knabinoj, miksaĵo de kapoj malgrandaj, grandaj aŭ maldikaj, kun hararo kombita aŭ hirta, kun mieno delikata aŭ mala, kun frunto nenature larĝa aŭ malplaĉe kontraŭa, ĝuste kiel en kinejo.

La aŭtuno sendis tra la fenestroj larĝe malfermitaj, ĝis la interno de l'domo, blovon de abundeco, de maizo kolektita en la grenejo, de maturaj fruktoj. Septembrofino vestita per oro, infaneca kaj freŝa, kiel maja tago post pluvo.

Kontora knabo kun fanfarona paŝo pasis de benko al benko, metante sur ĉies paperfolion la stampilon de la liceo.

El la proksima preĝejo aŭdiĝis sonoro de l'sonoriloj, ĉar estis antaŭ dimanĉo. Ilia monaĥeja tono portis en la klason tremigan senton pri granda tago. Ŝajnus, ke estas paska semajno, se maljuna tilio ĉe la fenestro ne tremigus sur la blua tolo de l'ĉielo kelkajn branĉojn kun maldensa foliaro, flava, sentrankvila.

Anstataŭ la profesoro de l'sciencoj, kiu malsanis, la direktoro venis en la klason kun nekonato. Li diris al la ĉeestantoj, ke ili aŭskultu la sinjoron doktoron, amike premis lian manon kaj foriris.

Ĝojolumoj brilis en ĉies okuloj. La alia profesoro estis malbona homo, kiu ne ŝatis la infanojn. Ĉe la konkurso por la katedro neniu demandis lin, ĉu li amas la infanojn?

La sinjoro doktoro disdonis la temojn, atentigis la kandidatojn, ke ili kondutu bone, li promenis iom en la klaso, rigardante la neniaĵojn sur la muroj, poste li sidiĝis al la kontraŭa tablo kaj komencis esploradi la vizaĝojn.

Abelo, pelita de antaŭsento pri vintro proksima, serĉis rifuĝejon, esplorante la inkujojn, timigante la fraŭlinojn. Se tiujn laborhorojn de skribaj provoj ne mallumigus la timo de nekonato kaj de malbonaj notoj, la tremo de komuna penado, la junaj cerboj naĝus en plena trankvilo kaj poezio.

La enuaj rigardoj de la doktoro dumlonge sekvis la ludon de l'vento en la flava foliaro de

* Ion A. Bassarabescu naskiĝis en Giurgiu (Rum) en 1870. Li komencis sian pedagogian karieron kiel profesoro kaj rapide fariĝis inspektoro de l'Artoj, poste ĝenerala inspektoro de la Elementa Instruado en Rumanio, En 1909 oni elektis lin koresponda membro de l'Akademio Rumana. Lia unua volumo „Nuvele“ (Noveloj) aperis en 1903. En 1919 s-o Bassarabescu publikigis novan libron „Un dor implinit“ (Deziro plenumita) premiita de la Akad. Rum. kaj en 1923 „Moŝ stan“ (Maljunulo Stan) rakontoj por infanoj. Li tradukis el franca lingvo „La paix chez soi“ kaj „Boubouroche“ de G. Courteline. — En populara eldono li havas la sekvantajn volumojn: „Norocul“ (Feliĉo), „Noi ŝi vechi“ (Novaj kaj malnovaj) kaj „Nenea“ (Oĉjo). El la noveloj de Bassarabescu multaj estas tradukitaj en francan kaj germanan lingvojn. La konata germana verkisto Heinrich Morf nomas Bassarabescu-n „la Maupassant-o de la rumana literaturo“.

l'tilio apud la fenestro. Sed iom post iom ili alfiksiĝis al la mezo de la kvina benko pro okazaĵo, kiu komence kolerigis lin, sed poste ĝi igis lin rideti: Plenaĝa homo sentime kopiis de sia najbarino, seka knabino kun etaj kaj lacaj okuloj, kun bruna kaj hirta hararo, kun manfingroj pli maldikaj kaj flavaj ol la ostplumingo, per kiu ŝi skribis.

Kia impertinenteco — pensis la doktoro — ŝteli laboraĵon de infaneto, ĝoji, kiel abelviro, pri la havaĵo de knabino dekunujara, akirita per kiu scias kiom da klopodo.

Sed la figuro de l'plenaĝa homo havis ion, kiu diktis sinregon al la doktoro kaj devigis lin konstante prokrasti la riproĉon: egan liphararon, kiun, por ke ĝi ne estu kaptita, li tute kuntiris sub la nazo. Skribante, li pintumis la lipojn, mem ne rimarkante tion, kaj li movadis ilin, mordetante, kiel infano suĉanta.

Nur kiam ankaŭ la aliaj ekatentis en la klaso, la doktoro leviĝis de sia loko, haltis antaŭ la unua benko kaj etendis la manon al tiu loko, parolante de malproksime:

— Sinjoro, kiel vi nomiĝas?

— Matei Stelian.

— Ĉu vi estas oficisto ie?

— Jes. Telegrafisto ĉe la Fervojo . . .

La najbaro de la knabino kun la etaj okuloj havis ŝvitokovritan frunton; kaj ĉe lia buŝangulo, sub la apogo de la lipharoj, rigidiĝis moka rideto, kiun nur tiu povas kondamni, kiu ne scias kio estas la malespero.

Sed la doktoro estis lerta kaj saĝa homo. Li komprenis la komplikiĝon kaj li rapide turnis sin al la knabino.

— Bone, knabineto, ĉu vi ne kapablas gardi vian skribaĵon? Se li ne timas kopii de vi, almenaŭ vi instruu lin. Igu lin senti, ke li priŝtelas vin, igu lin kompreni, ke sufiĉe hontindas,

# KVIN POEMOJ DE J. W. GOETHE

TRADUKIS K. DE KALOCSAY

## MIGNON

La landon, kie floras la citronoj,
Oranĝoj oraj ardas en branĉkronoj,
De l' ĉiel-bluo blovas milda vent',
Laŭr' alte staras, mirto en silent',
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Kun vi, amat', min tiras nostalgi':

La domon kun tegmento sur kolonoj,
En kiu brilas haloj kaj salonoj,
Kaj marmorbildoj staras, miras min:
Ho, kio do vin trafis, orfulin'?
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Kun vi, patron', min tiras nostalgi'.

Krut-vojon sur la nuba montoturo,
Sur kiu vagas en nebul' la mulo,
Kaj en la grotoj loĝas drakogent',
Falegas rok' kaj sur ĝi—la torent':
Ĉu konas vi?
Al ĝi, al ĝi,
Nin lasu, patro, laŭ la nostalgi'!

## LA REĜO EN THULE

En Thule reĝo tronis
Fidela ĝis la fin',
Mortante al li donis
Orpokalon amatin'.

Pli karan li ne havis,
Ĉe ĉiu drinkregal'
Eltrinkis ĝin, dum lavis
La okulojn larmofal'.

Kaj kiam li ekkonis
Ke venas vivofin',
Kastelojn li fordonis,
Kaj ĉion, sed ne ĝin!

Jen estis reĝa festo
Kun kavalira ar',
En alta praa nesto:
En fortikaj' ĉe l' mar'.

La reĝ' ekstaris, trinkis
El la pokal ĝis fund',
Drinkul' maljuna, svingis
Li ĝin al la marprofund'.

Li fali, fali vidis
Kaj droni ĝin en la flu'...
L' okuloj ekrigidis,
Ja li ne trinkis plu.

## VESPERKANTO DE L' MIGRULO

Ho vi, el ĉiela sfer',
Kiu for la dolorojn prenas,
En duoblaj zorg', mizer'
Kun konsol' duobla venas:
Min post penoj kaptas laco,
Kial plu volupt', dolor'?
Dolĉa *paco*,
Venu, venu al la kor'...

## ALIA

Ĉiujn suprojn kuŝas
Silent'.
Apenaŭ tuŝas
Sentebla vent'
Al la foli'.
L' arbar' ne resonas jam trilon.
Baldaŭ, trankvilon!
Kuŝos ankaŭ vi.

## UNUA PERDO

Kiu al mi jam redonas
Tiujn belajn, dolĉajn tagojn,
Kaj reportas, nur por horo,
Tempon de l' unua am'?

Nutras vundon mi de l' koro,
Plendas, en funebro dronas
Pri l' feliĉ' perdita jam.

Kiu al mi jam redonas
Tempon de l' unua am'?...

ke granda homo tiel profitu la laboron de infano. Mi estas certa, ke vi eĉ ne konas lin.

— Male, jes . . .

Kaj larmoj grandaj, kiel la gutoj de pluvo post sekeco ekfalis rapide el la etaj kaj malklaraj okuloj de la knabino sur la dekstran parton de l'benko.

— Ĉu vi estas parencoj?

— Jes. Paĉjo . . .

Elektra skuo, kvazaŭ veninta el la bretoj, subite penetris la tutan klason.

La doktoro kolektis ĉiujn siajn fortojn, por povi sin regi. Li deviĝis gliti al ŝerco.

— Bone, sed forirante de hejme, ĉu ne diris al vi la patrino, ke vi ne lasu kopii paĉjon? . . .

Amika rido eksplodis — kiel natura malpeziĝo — de ĉiu parto.

Sed paĉjo denove pintumis la lipojn. Li etendis la kolon, duone fermis la okulojn, kaj li diris, kiel en sonĝo:

— Ŝi ne havas patrinon . . . Ni estas solaj . . .

La doktoro nenion plu diris. Jen, li kuris al la lasta fenestro, kvazaŭ li estus vokinta iun de tie. Kaj li paroladis kun la flava foliar' tilia, ĝis kiam la plej lasta knabo forlasis la klason.

Restante sola, li ekserĉis inter la papirfolioj. Li metis supren la laboraĵojn subskribitajn kun la nomoj Matei Stelian kaj Matei Irina kaj li iris — preskaŭ kurante — en la kontoron de la direktoro.

Post unu semajno — kiam oni donis la rezulton — la patro kaj filineto tremante legis siajn nomojn sur la listo de l'promociitoj.

El la rumana: *Tiberio Morariu*

# ARTO KAJ ARTISTOJ

PAULO VARSÁNYI

## AUGUST VON PETTENKOFEN.

En la animo de malgranda parto de l'pentristoj de *Austrujo* antaŭ la mezo de l'XIX-a centjaro naskiĝis sopiro al pli home kaj pli intime konceptita arto kaj ili ekiris serĉi novajn vojojn. Ili volis rifuĝi el la malvarmaj katenoj de l'klasikismo al la freŝa ritmo de l'ĉiutaga vivo kaj tie akiri la artajn impulsojn. Avide ili ĵetis sin en ĝin kaj klopodis ŝteli al la tolaĵo ĉiujn ĝiajn intimajn aperaĵojn. Ili laboris kaj ili mem ne povis rimarki, ke mil kaj mil fadenoj ligas ilin al la malŝatata klasikismo. Ĉar ilia tuta movado rezultigis nur la ŝanĝon de l'temoj; la natura materialo de l'vivo, la Naturo nur ekstere efikis ilin, kondukante ilin al naturalismaj tendencoj, sed la spirito restis la malnova: Naturo estetike trobeligita. Iliajn verkojn vualas ia ridetinda filistra sentimentaleco; kiu montras al ni la tutan animon de l'burĝaro: la mankon de la monumentalaj perceptoj de l'animo kaj timegon je la pli altaj flugadoj de la intelekto. La serĉitan vojon do ili ne povis ektrovi kaj dronis en la koto de l'akademiismaj ideologioj, neniam atingante — kiel *Waldmüller* — la prisonĝitan landon de l'freŝaj sopiroj. Nur unu sukcesis: *August von Pettenkofen* (1822—1889).

*

Jam en frua juneco montriĝis en li inklino al la desegnado. Kiel 12-jaran knabon ni jam trovas lin en la *Akademio St. Anna,* diligente desegnanta la antikvajn gipsmodelojn. Iam tiam direktis lin ia certa celo, kies persista serĉo akompanis lin ankaŭ al la *Wien'a Akademio.* Tie li iĝis disĉiplo de *Kupelwieser* De 1837 ĝis 1840 li studadis en la Akademio, kaj gajnis la unuan kvalifikaĵon. Ĉar li klopodis al memstareco, liaj kunuloj eksigis lin el sia amikeco. La malamo abomenigis la Akademion antaŭ li kaj forlasante ĝin li iĝis disciplo de *Franz Eybl.*

Eybl estis bonega litografiisto de sia epoko kaj montriĝis bona ankaŭ kiel pedagogo. Sub lia gvidado Pettenkofen alproprigis grandiozan lertecon kaj atingis ankaŭ novajn artifikojn de la pitoreska litografado. En ĉi tiu periodo gravaj estas la ilustraĵoj al la verko de *Duller: Ĉefprinco Karlo de Austrujo* (1845). Al la finevoluo de lia grafika arto rapidigis lin la 1848-49-a milito inter *Austrujo* kaj *Hungarujo.* En ĉi tiu milito ankaŭ li partoprenis kiel soldato. Liaj travivaĵoj akiritaj ĉi tie inspiris lin al litografaj serioj, laŭ efiko tre impresaj. Ĉi tiujn seriojn li pretigis por la revuo *Bewegung,* en kiu ili aperis kiel aldonoj. Ĉi tiuj folioj donas profundajn impresojn de artisto havanta mirindan observkapablon, kio montras sin en la percepto de la plej delikataj detalaĵoj de l'formoj kaj en ilia monumentala unuecigo, kion ankoraŭ pliperfektigas la grandaj veroj de la psikologiaj elementoj kaj ilia riĉa varieco. Bonegaj estas: *„La atakita milita poŝto“, „Hungara infanterio apud Pozsony“, „Transporto de vunditoj“* kaj *„La okupo de la fortikaĵo de Buda“*, ktp.

En la jaro 1851 li estis en *Paris* kaj tie li estis sub la influo de modernaj klopodoj. Li sentis grandan emon al la oleopentro, kaj hejme li komencis pentri seriojn da genrobildoj. Tiam komenciĝis la unua periodo de lia arto, enhavanta la esprimmanierojn de *Malnov-Vien'a* skolo la bagateleman, detaligan liniokondukon. Post longa ekzercado li evitis tion kaj atingis la grandformatan ekvidon de la aperaĵoj. Li interesiĝis pri ĉio kaj dum siaj eksterlandaj vojaĝoj li prinotis siajn travivaĵojn per freŝa mano. La *Tripenhuis* en *Amsterdam,* la stratoj de *Venecio,* la marbordoj de *Dalmacio,* la fumaj kuirejoj en *Riva,* cigantendoj, la granda hungara *Ebenaĵo,* foiroj, ktp. ktp. ĉiuj donis al li ŝatatajn temojn. Post amika instigo li venis *Hungarlandon,* en la jaro 1853 kaj vizitis la urbon *Szolnok.* Dum 1855—81 li pasigis la somerojn plej ofte tie, krom intertempaj vojaĝoj en *Italio* kaj *Nederlando.*

La milkolora, pitoreska vivo de ĉi tiu urbo de l'granda Ebenaĵo, sur la bordoj de l'rivero *Tisza,* estis al li nova kaj admirinda revelacio. Ĉi tie komenciĝis lia dua periodo, kiu montras al ni tre riĉajn rezultatojn. Novaj problemoj ekestis antaŭ li, kiuj freŝe kaj senfine naskiĝis, instigante lin al rapida solvo. Kaj la ilojn li ektrovis. Sub la hungara ĉielo lia kolorsoifa animo fekundiĝis kaj kreis la bildojn, brilantajn en fajro de l'koloroj, unu post la alia. Intima profundiĝo karakterizas ĉi tiujn bildojn, kies psikologia kaj pitoreska unueco montras al ni akrevidan intelekton. Ankaŭ li ĉerpis temojn el la popolvivo, sed li povis levi al arta altaĵo eĉ ĝiajn plej ĉiutagajn detalaĵojn, ĉar ĉiam la pitoreskaj trajtoj interesis lin kaj ne la novelaj elementoj. Malproksime estis de li la filistra ideologio kaj lin direktis ĉiam la perceptoj ĉerpitaj el la senpera naturstudado. Tial ni povas nomi lin vere moderna artisto kaj tial estas tiel ŝatata lia arto eĉ hodiaŭ. Ne estas seninterese ĉi tie primemori, ke li estis inter la unuaj pentristoj, kiuj eksentis la belaĵojn de Szolnok kaj la rezulto de lia agado iĝis la fondo de la tiea artista kolonio, — kiu edukis jam multajn grandulojn de la hungara arto kaj kiu nuntempe estas en la plej granda florado.

# LA FENESTRO

PAIN BARRY

Henry Shapman Barker havis tempon ĝuste nur por engluti sian matenmanĝon, ekgrumbli sian edzinon, elĵeti sian ĝardeniston kaj atingi la vagonaron de 10.30. Aranĝinte sukcesplene ĉion ĉi kaj trovinte, krom tio, unuaklasan kupeon, kie ne estis eĉ unu malbenita homa estaĵo, li ekhavis, tiom kiom eble, bonan kaj kontentigitan humoron. Energie li dismalfermis sian malsovaĝan matenĵurnalon, trakuris per tre koleraj okuloj la eksterlandajn novaĵojn kaj komencis legi la ĉefartikolon. De tempo al tempo laŭte li rimarkis: „Muk!“ Ĉi tio estis lia kutimo, kiam li legis ĉefartikolojn. Ĉi tio, laŭ rigora konsidero, ne estis bela, sed Henry Shapman Barker ne faris al si multajn zorgojn pri beleco. Ĝuste la kvinan fojon il ripetis sian rimarkon, kiam la vagonaro haltis ĉe Chiddleford (voje al Pigley).

Ke la sola portisto en Chiddleford (voje al Pigley) malfermis la pordon de l'vagono, nu, tio estis malbona. Augustus Sturt, ĝentilhomo kun grandioze ampleksa eksteraĵo, eniris, jen kio estis pli malbona. Sed ĉi tiuj du ofendoj ŝrumpis je sensignifaj bagateloj kompare al tio, kio estis sekvonta.

Augustus Sturt fiksis Henry Shapman Barker per suspektemaj okuloj, demonstracie fajfadis, transiris al la alia flanko kaj malsuprenŝovis la fenestron. Mi ne troigas, tion mi pensas, kion mi diras — li malsuprenŝovis la fenestron.

„Lasu tiun fenestron trankvila, sinjoro!“ kriegis Barker.

„Ho ligu vian langon!“ diris Sturt malŝate, reiris kaj sidiĝis senpere kontraŭe al Barker. Siajn longajn krurojn li etendis tiel longaj en la kupeo, kvazaŭ li volus kiel eble ĉirkaŭlimi la agosferon de la kruroj de Barker, elprenis dikan poŝlibron kaj ekfoliumis ĝin, kun fajfakompano el la „Nazareth“ de Gounod.

„Vi ne konas la regulojn pri la fervojvagonaj fenestroj,“ diris Barker sovaĝe. „Mi ne deziras, nek atendas decan konduton de vi, sed ekzistas ja reguloj, kaj mi insistas ke ĉi tiuj reguloj estu efektivigitaj.“

„Iru al la diablo!“ diris Sturt, revenante al sia Gounod kaj al sia notlibro.

„La persono, kiu unua eniras la vagonon, rajtas disponi pri la fenestroj de tiu vagono kaj mi insistas ke tiu fenestro estu fermita,“ diris Barker.

Sturt, kun laca rezigno, flankenmetis sian poŝlibron. „Ĉar vi nepre volas babilaĉi, mi ja diros al vi, kia estas la regulo efektive. Tio eble savos vin de tio ke vi faru vin frenezulo estonttempe. Ĉar vi sidas en ĉi tiu angulo kontraŭ la maŝino, vi havas plenan rajton pri la ĉiflanka fenestro kaj mi ja ne miksis min en la aferon pri ĝi. Ĉi tiun fenestron vi povas ŝovi supren aŭ malsupren. Vi povas ĝin meti en la poŝon. Vi povas ĝin manĝi, se al vi plaĉas. Ĉi tio estas afero inter vi kaj la societo, ĉi tio estas por mi falbalo. Sed pri la transflanka fenestro vi havas ne pli multe da rajto ol la homo en la luno. Mi ŝovis



Pettenkofen — Kiso

tiun fenestron malsupren kaj ĝi restos malsupre, kaj vi povas insisti, ĝis vi krevos, kaj tio tute ne ŝanĝos la aferon."

„Ah!" diris Barker. „Mi vidas, ke estas vane malŝpari plu al vi ĝentilecon. Tuj mi prenos la aferon en miajn proprajn manojn." Li stariĝis, iris transen, suprentiris la transflankan fenestron kaj reiris sian lokon. „Jen," li diris, „nun faru kion vi volas."

„Mi faros," diris Sturt kolere. Li stariĝis, iris transen, denove malsuprenŝovis la transflankan fenestron kaj reiris sian lokon. „Kaj mi diras al vi," li diris, „se vi denove suprentiros la fenestron, mi piede trabatos ĝin kaj krome tradraŝos ankaŭ vian graskapon. Ekiru do! Komencu, kiam vi nur volas."

„Tre bone. Ho vere tre bone! Ĉi tio estas minaco pri korpa ofendo kaj ni vidos, kion diros pri tio la konduktoro en la sekvanta stacio. Hazarde mi konas ĉi tiun konduktoron kaj pri tiaj banditoj oni tre mallonge finas sur tiu ĉi linio. Vi estos elĵetita. Ĉu vi komprenas? Elĵetita! Elĵetita!" blekis Henry Shapman Barker, jam tre proksime al apopleksio.

„Ho, ĉesu bleki kaj ne ridindigu vin. Vi ne taŭgas iradi libere," kaj Sturt denove prenis demonstracie sian poŝlibron, dum la vagonaro malrapidiĝinte enkuris la sekvantan stacion.

Barker malsuprenŝovis la ĉiflankan fenestron, elmetis sian kapon kaj kriis: „Konduktoro!" Neniu atentis pri li. „Kie estas tiu malbenita konduktoro?" li kriis, tiam maljuna sinjorino diris al li, ke li povas honti pri si kaj ŝi foriris rapide. Barker kriadis plu. Sturt daŭrigis sian fajfadon.

Ĝuste antaŭ la ekiro de la vagonaro venis la konduktoro, ege rapidante. „Mi scias pri kio temas, sinjoro", diris la konduktoro, „kaj vi rajte indignas. Ĝi ne estas mia kulpo. Mi jam faris raporton pri ĝi, kaj ree faros. Certe, jam de tri tagoj mankas la vitro en la transflanka fenestro. Hontinde!"

La konduktoro forrapidis, la vagonaro ekiris, kaj Sturt kaj Barker gapis unu al la alia. Poste ili ambaŭ diris la samon per la precize samaj vortoj kaj en la precize sama tempo. Tiel perfekte samtempe, kvazaŭ ili estus ĝin ekzercintaj dum semajnoj. Ili diris:

„Nun vi vidas, kian frenezulon vi faris el vi mem."

En senvorta furiozo ili sidis dum la resto de l' vojaĝo; sed, la batala spirito de Barker estis vekita kaj li ne estis ema lasi la aferon en ĉeso. Ĉe la finstacio Barker elsaltis kaj ĵetis sin al la unua trafita portisto.

„Portisto, mi volas paroli kun la staciestro aŭ trafikestro; aŭ kun ia ajn inspektoro. Mi . . "

„Atendu momenton," diris la portisto, rulante antaŭen laktopoton, kaj ne revenis plu. Barker ĵetis sin al alia portisto. Fine li trovis la serĉitan oficejon. La pordo estis duone malfermita kaj tra ĝi li aŭdis voĉon, kiun li rekonis kiel tiun de Sturt.

„Ne nur ke mankis vitro el la fenestro. Sed mi devis vojaĝi kun ebria fripono, kiu, laŭ mia certa scio, havis nur triaklasan bileton."

Mi ĝojas, ke mi ne estis sinjorino Barker, kiam Barker hejmenvenis tiun ĉi vesperon.

El la angla: *A. Mason*

---

# PATRECO*

**JOHANO PAPINI**

La Amo de l'Edzo estas forta sed karna kaj ĵaluza, tiu de l'Frato estas ofte venenita de envio, tiu de l'Filo trapenetrita de trompo, tiu de l'Mastro ŝveliĝanta de fierega konsentemo. Nur la Amo de l'Patro al la Filoj estas la perfekta Amo, la pura, la seninteresa Amo.

La Patro faras por la Filo kiun li ne farus por iu alia. La Filo estas lia verko, karno de lia karno, ostoj de liaj ostoj; li estas parto de li mem, naskiĝinta, tagon post tago, apud li; li estas sekvo, perfektiĝo, komplemento de lia estado.

La maljunulo revivas en la junulo, la pasinto sin rigardas en la estonto; kiu vivis, sin oferas por tiu kiu devas vivi: la Patro vivas por la Filo, kompletiĝas en la Filo, en la Filo revivas kaj ekzaltiĝas.

Kiam li diras „kreitaĵo", li pensas al si mem kiel al „kreinto"; tiu Filo naskiĝis al li en la momento de volupto tra la brakoj de l' virino elektita de li inter ĉiuj virinoj, en dia doloro li naskiĝis de tiu ĉi virino; kostis al li, poste, larmojn kaj ŝvitadon. Li vidis lin kreski tra siaj piedoj; siaflanke, li varmigis liajn malvarmajn manetojn per la siaj, aŭdis lian unuan vorton, — eterna kaj ĉiam nova miraklo, — li vidis liajn unuajn ŝanceliĝantajn paŝojn sur la planko de sia domo; li vidis iom post iom, en tiu korpo kreita de li, ekflorinta sub liaj okuloj, naskiĝi, ĝermi, elmontriĝi animon novan, homan animon, trezoron unikan kiun neniu egalvaloras; lin surprizis, ke revenis sur lian vizaĝon, iom post iom, liaj trajtoj, kun tiuj de lia kunulino, de virino kun kiu nun en tiu komuna frukto identiĝas, sen plua divido de l' korpo, — la paro kiu en amo volus esti unu sola korpo kaj tion atingas nur en tiu de l' Filo, — kaj antaŭ tiu nova estaĵo, li sentas sin kreinto bonfarema, potenca, feliĉa.

Estas pro tio ke la Filo ĉion atendas de l'Patro kaj ĝis kiam li estas malgranda, havas fidon nur al la Patro kaj sentas sin sekura nur apud li. La Patro scias ke li devas vivi nur por li, suferi por li, labori por li. La Patro estas tera dio por la Filo kaj la Filo estas kvazaŭ Dio por la Patro.

En la Amo de l'Patro ne estas la postsigno de l' devo kaj de l' kutimo kiel en tiu de l'Frato, de l' kalkulemo kaj de l' superemo de l'Amiko, de l' volupta deziro de l'Amanto, de l' hipokrita artifika sindonemo de l' Servisto.

La Amo de l' Patro estas la pura Amo, la sola Amo kiu estas vera Amo, la sola kiun oni povas nomi Amo, libera de ĉiu enmiksado de elementoj fremdaj al ĝia esenco; kiu estas: la feliĉo de l' sinofero por la feliĉo de l'aliaj.

El la itala: *Stelo*

* El la „Vivo de Kristo"



Pettenkofen — Krepusko super Tisza

# TRADUKO DE ESP. VERKOJ EN NACIAN LINGVON

## REFERATO, PREZENTITA DUM LA VIENA KONGRESO EN LA FAKKUNSIDO DE LA E. L. A.

Tre estimataj gesinjoroj! Sur la tagordo de nia kunveno vi trovas kiel trian punkton: „Tradukado de Esp. verkoj nacilingven". Mi esperas ke vi afable permesos al mi en formo de dekminuta referato skizi rapide ĉion, kion mi opinias sciinda pri tiu ĉi punkto. Mi volas tuj atentigi vin, ke ĉio, kion mi eldiros ĉi tie, estas mia persona opinio kaj ke mi tute ne volas ĝisfunde aŭ science esplori ĉi tiun demandon. Miaj pensoj servu nur kiel instigo al plua konsidero de la afero kaj plua eklaboro, pli vasta ol ĝis nun, sur tiu parto de nia verda literatura kampo.

La Esperanta literaturo konsistas ĝis nun ĉefe el verkoj, kiuj estas tradukitaj el naciaj lingvoj en nian Esperanton. La Esperantista Literatura Asocio ĝis nun kontrolis ja nur tradukojn el nacia lingvo en Esperanton. Mi volas hodiaŭ demandi vin, ĉu ne venis jam la tempo por traduki verkojn el Esperanto en nacian lingvon? Mi opinias, ke tio ĉi estas vojo eble tute nova, kiun ni ĝis nun ne iris. Tiu ĉi metodo estis eble praktikata nur tiom, ke ni tradukis el Esperanto diversajn artikolojn aŭ novelojn, kiujn ni publikigis en nacilingva gazetaro. La sukcesoj en tiu ĉi rilato konvinkis eble ĉiun sufiĉe pri la taŭgeco de Esperanto por tradukaj celoj nacilingven kaj pri la propaganda valoro de tia metodo.

Estas kompreneble kaj ni ĉiuj scias tion, ke Esperanto estas fakte lingvo vivanta, en kiu ĉiu verkisto povas verki libere — kondiĉe, ke li sufiĉe konceptis la spiriton de la Esperanta lingvo. Ni scias ankaŭ, ke Esperanto tre diferencas de nacia lingvo. La stilon kaj formon, kiun ĉiu nacia lingvo havas ofte tre komplikita kaj trosubtila, ni ne havas kaj ne havu en la Esperanto de nia epoko, en kiu ĝi ne estas uzata ankoraŭ oficiale. El tio ĉi devenas ja la facila kompreneblo kaj klareco de nia lingvo. Kion esprimas kaj devas esprimi nacilingva aŭtoro per naciismaj parolturnoj kaj esprimoj komplikitaj, tion la Esperantentradukanto ŝanĝas kaj transkondukas en minimumon de simpleco kaj klareco kaj tiamaniere peras al la internacia leganto la ideon de l'nacilingva aŭtoro. Kaj ĉiu konsentos kun mi, kiam mi diros: ke verko tradukita el nacia lingvo en Esperanton estos des pli klare kaj pli bone komprenebla, ju pli la tradukanto sukcesas transkonduki la spiriton kaj idearon de la nacilingva verkisto sur la relojn de tiu internacia lingva spirito, kiun Zamenhof genie inspiris al sia Esperanto.

Sed ni volas tuj transiri al la alia flanko de la afero. Kion mi diris ĵus pri tradukado el nacia lingvo en Esperanton, tio sama inverse kompreneble okazas ankaŭ dum tradukado el Esperanto en nacian lingvon. Kion ni legas kaj komprenas en nia simpla Esperanto, kiun kontraŭuloj eĉ nomas infana, tion la retradukanto devas redoni en sia lingvo nacia per ĝiaj naciismaj kaj aliaj idiomaĵoj. Kiu do eble kredas, ke tradukado el Esperanto en nacian lingvon estas facila afero, tiu nepre eraras kaj mi mem ne kuraĝas diri, kiu el tiuj ambaŭ tradukaj vojoj estas pli malfacila, ĉu tiu ĉi en Esperanton aŭ tiu el Esperanto.

Kiam ni nun rigardas nian literaturan kampon, kiun plugis diligentaj Esperantoverkistoj kaj tradukistoj, ni rimarkas amasegon da verkoj, sendube gravaj, tradukitaj en Esperanton. Ĉu estas rekomendinde, traduki *ilin* el Esperanta traduko en nacian lingvon? Rigardante la ĝisnunajn verkojn, mi kuraĝas nei ĉi tiun demandon; ĉar por

### *DORNROZETO.*

GOETHE.

*Vidis knab': jen bela flor',*
*Rozujet' kampara.*
*Freŝa kiel la aŭror'.*
*Li alkuris ĝoje por*
*Vidi: kiel kara!*
*Rozo, rozo, ruĝa roz',*
*Rozujet' kampara.*

*Diris knab: mi volas vin,*
*Rozujet' kampara.*
*Diris roz': mi boras vin,*
*Ĉiam vi memoras min*
*Pro dolor' amara.*
*Rozo, rozo, ruĝa roz',*
*Rozujet' kampara.*

*Knab' sovaĝa rompis je*
*Rozujet' kampara.*
*Ŝi defende pikis tre,*
*Sed ne helpis „ho", nek „ve"*
*Kontraŭ vol' barbara.*
*Rozo, rozo, ruĝa roz',*
*Rozujet' kampara.*

*K. de Kalocsay*

nacilingvaj verkoj gravaj kaj bonaj troviĝas baldaŭ post apero amasego da homoj, kiuj fervore tradukas el nacia originalo en nacian alian lingvon kaj kiel evidentiĝas, estas nenecese kaj superflue — mi dirus —, ke *ni* iru la vojon ĉirkaŭan kaj malrektan per Esperantigo kaj el-Esperantigo. Tiun ĉi vojon *pere* de Esperanto oni verŝajne iros kaj uzos, kiam Esperanto estos uzata pli ĝenerale kaj oficiale.

Tute alie prezentiĝas la afero ĉe Esperanto-originaloj. Bedaŭrinde ni havas ankoraŭ ne multajn. Tamen ni povas aserti kun fiero, ke ankaŭ sur tiu parto de nia literatura kampo multo estas farita. Ni devas konsideri, ke Esperanto vivas nur 35 jarojn, ke ĝi estis multe malhelpata per la milito kaj — kion mi volas speciale akcenti — estas nur privata lingvo uzata de proporcie malgranda nombro da homoj. Se ni ĉion konsideras kaj komparas tiujn 35 jarojn kun la multaj kaj multaj jarcentoj de la naciaj lingvoj, ni konstatos kun ĝojo, ke nia Esperanta originala literaturo estas proporcie riĉa kaj ni povas noti kun kontento, ke ĝi kreskas rapide kaj bone precipe nun post la milito.

Bona originalo devas nepre diferenci de tradukaĵoj en lingva rilato. La verkisto ja estas libera. Neniu alia nacilingva verkisto katenas lin al sia teksto. La plumo de l'Esperantoverkisto glitas tute libere kaj mirinde en klara supernacia lingva spirito. Nun estas nia tasko tute nova kaj grava, traduki Esp. originalojn en naciajn lingvojn. Permesu tuj kelkajn vortojn pri tradukado. Kiel mi jam diris antaŭe, la tradukado el Esperanta originalo estas ne facila. Kaj ĝi fariĝos des pli malfacila por la tradukanto, ju pli bona kaj valora laŭ lingva vidpunkto estas la originalo. Tio ĉi ŝajnos eble kuriozaĵo, sed estas fakto, ke originala verko en Esperanto frapante diferencas, ja *devas* diferenci de tradukaĵo per sia tuja kompreneblo kaj vere internacia esprimmaniero. Kaj do, estas nun la tasko de la tradukanto konduki la idearon de l'aŭtoro en superidioma lingvo pensanta, el tiuj reloj de Zamenhofa lingva spirito en la nacian lingvon plenan de naciismaj esprimoj kaj ofte ĥaosaj parolturnoj. Mi estas konvinkita, ke ankaŭ por tiu ĉi tasko trovos sin lertaj tradukantoj. Ja, mi estas konvinkita, ke multaj bonege interpretus Esp. verkojn en sian nacian lingvon — eĉ tiuj, kiuj neniam liverus bonan tradukon en Esperanton.

Mi ne bezonas paroli pri bezono de originala Esperantoliteraturo. Jes, ne sufiĉe kaj insiste oni povas alvoki ĉiujn Esperantoverkistojn kaj tradukistojn: „verku originale!" kaj ne sufiĉe kun ankoraŭ pli granda insisto oni povas alvoki al la tuta Esperanta popolo: „Aĉetu kaj legu Esp. originalojn, por lerni koncepti internacian lingvospiriton!" Estas bedaŭrinde, ke la Esperanta publiko, per neaĉeto de originaloj tiel malŝate kaj ignore traktas Esperantoverkistojn, kiuj fordonis multajn noktojn por la bono de la afero, por poste ricevi de la Esperantoeldonejoj ridinde malaltajn aŭ eĉ neniajn honorariojn. El tio ĉi ĉefe ŝajnas al mi rezulti la manko aŭ kaŝrestado de talentaj originalaj verkistoj. Jes, grandajn laŭrojn kaj palmojn de gloro vi rikoltos, kiam vi donacos al la Esperantistaro dekduon da interesaj originalaj romanoj, sed kredu al mi, ke per unu pli longa novelo en nacia lingvo vi gajnos pli multe da mono ol per dekdu dikaj volumoj verkitaj kun ŝvito! La cirkonstancoj de nia nuna Esperanta epoko estas por ni verkistoj plej malfavoraj kaj detimigaj. Ĉiu homo lerninta Esperanton timas elspezi monon por Esperanta libro. Ĉiu preferas aĉeti kaj legi eĉ verkon nacilingvan, kvankam ĝi tute ne estas malpli kosta ol Esperanta verko. Kiamaniere ni povas forigi tian staton en nia movado? Ekzistas diversaj rimedoj, kiujn oni povus proponi. Mi nur rapide volas montri el ili.

La malfavoraj por verkisto cirkonstancoj en Esperantujo, precipe la malbonaj perspektivoj gajni per Esp. verko materian rekompenson, detimigas multajn el ni dediĉi sian talenton al tia afero. Sed tute aliaj perspektivoj montriĝus por Esperanta verkisto, kiam lia originalo estus tradukata kaj publikigata en naciaj lingvoj. La naciaj eldonejoj estas multe pli kapablaj rekompensi verkiston kaj tradukiston ol Esperanta eldonejo pro la simpla kaŭzo, ke la libro disvendiĝas inter legema nacilingva legantaro. Mi ne scias, ĉu antaŭ la milito aperis ia pli grava libro tradukita laŭ Esperanta originalo en nacia eldonejo. Sed ke la afero estas tute bone ebla, servu kiel ekzemplo la originalo Esp. romano Abismoj, kiu aperis en finna lingvo ĉe eldonejo Otava en traduko de Aino Setälä. Aliaj eldonoj kiel pola, germana, angla kaj jugoslava nun prepariĝas. Ankaŭ en la malproksima Japanujo trovis sin fervoraj tradukantoj. Jam la mencio, ke romano estas tradukita el la Esperanta originalo, impresas la leganton kaj nepre inspiras respekton je nia Esperanta literaturo kaj ĝenerale je la seriozeco de nia afero. Mi tute ne intencas fari reklamon por *miaj* verkoj, sed mi volas akcenti ke la afero estas pli grava kaj pli subteninda ol ĝi sajnas unuavide. Mi ne volas pli detale paroli pri la grandega servo, kiun ni faras al Esperanto kiel al lingvo, sed mi volas atentigi nur pri la granda helpo, kiu povus rezulti el tia laboro precipe por la verkisto mem. Estas kompreneble, ke ni ne proponas al nacia eldonejo niajn manuskriptojn senpage, sed ni serĉos tian, kiu rekompensos tradukanton kaj verkiston, kiuj ambaŭ povas interkonsenti inter si pri honorario kaj aliaj aferoj.

Kian rolon povus ludi la Esp. Literatura Asocio? Mi ne kredas, ke estus rekomendinde, ke ĝi same kiel ĉe Esp. tradukoj povus preni sur sin la rolon de l' kontrolanto. Mi opinias ke ĝi sole povas servi kiel peranto al la Esperantoverkisto kaj helpi al li trovi taŭgajn tradukantojn por la koncerna lingvo. La tradukanto devas mem serĉi la eldonejon kaj zorgi pri la publikigo de la romano.

Mi volas fini mian mallongan referaton. Certe, mi volonte konfesas, ke ĉio, kion mi ĵus diris, estas ankoraŭ komenco. Sed ĝi estas komenco de ideo nova, de ideo grandioza, de ideo, kiun ni devas estonte pli subteni kaj propagandi. Kaj antaŭ ol mi finas, mi ankoraŭ foje volas alvoki vin ĉiujn, kiuj vi plugas la verdan kampon de nia literaturo: ĉesu superŝuti la Esp. publikon per sensignifaj libretoj, ĉesu erarigi kaj detimigi per tiolegemajn samideanojn, sed zorgu pri novaj originalaj Esperantoverkoj, en kiuj sole povas evolui kaj montriĝi la lingvo Zamenhofa en sia tuta beleco kaj granda, impresema forto. Traduku originalajn Esp. aŭtorojn en vian lingvon. Mi estas konvinkita, ke *multon* la Esperantistaro povas atendi de siaj verkistoj, se tiuj ĉi vidos ke verkante *Esperante* ili profitas per diverslingva eldono de siaj verkoj. Iom post iom devas pleniĝi la Esperantobibliotekoj je originalaj Esperantoverkoj, en kiuj pulsas kaj vigle batos la tuta lingva forto, kiun devas elspiri ĉiu originalo. Iom post iom devas stariĝi en longaj vicoj la originalaj verkoj.

Kaj tiam kreiĝos la vera internacia mondliteraturo Esperanta, en kiu regos tiu sama genia supernacia lingva Zamenhofa spirito, sen kiu Esperanto hodiaŭ estus nur surpapera projekto!

*J. Fethke*

---

# BIBLIOGRAFIO

EMERIKO MADÁCH: *La tragedio de l'homo*

Drama poemo. Kun dudek desegnaĵoj de Miĥaelo Zichy kaj kun la portreto de l'aŭtoro. El la hungara originalo: Kalocsay. Budapest, Eldono de la Hungara Esperanto Instituto 1924.

Unu el la gigantoj de la hungara literaturo estas *Madách*. Lia animo, kruele taŭzita de sortobatoj kaj superombrita de noblaj doloroj, aperas antaŭ ni senĉese meditanta en tiu ĉi majstra verko, kiu faris lian nomon senmorta. La ŝajna pesimismo, reganta en la dramo, estas nur masko por kaŝi tiun grandan optimismon, kiu inspiris al li altspiritajn pensojn dum la verkado. La tuta verko mem estas ia kurioza kreitaĵo de optimismo. La aŭtoro kun rezigna filozofio konstatas, ke senĉesa ripetiĝo de l'estinteco formas la estantecon, tamen lia nevenkebla espero fide atendas bendonan metamorfozon de la homa animo. Tiu eterne homa sento, aspiranta je pliperfektiĝo de la Homo, kondukas lin de epoko al epoko en la batalo por novaj majestaj celoj. De la unua ĝis la lasta verso de la dramo lin saturas sincera homamo. Ni sentas, ke li, malespere baraktanta inter celhava kaj ŝajna vero, amas la homojn pro homaj sentoj kaj skurĝas ilin

pro besta senprudenteco. La eterna batalo de grandaj ideoj estas necesa, ĉar tio donas valoron al la tera vivo. Li sentas ĝojon por triumfo de unu aŭ alia majesta ekflamiĝo de la homa intelekto, kvankam li konscias, ke la triumfo estas nur provizora, efemera kaj post la falo de la ideo la blinda, facile influebla amaso verŝos fratsangon. La penso pri la ventanimeco de l'amaso puŝas lin al dolora meditado kaj senesperaj vekrioj, sed nur por momentoj, ĉar lin denove levas la optimismo, ekvilibron donanta al li. Oni povas facile vidi, ke en la dramo li prezentas sian optimistan memon en la kolosa figuro de Adam kaj sian akrevidan kritikemon, pesimistan filozofion personigas en la diabla praneanto Lucifer. Tial Lucifer ne estas arlekensimila Mefisto, sed potenca kaj egalrajta malamiko en la batalo. La optimismo de Adam ĉiam venkas la pesimismon de Lucifer, kiu devas ĉiam prepari sin je nova batalo ĝis la fina kapitulaco. Sed en tiu kapitulaco Madach ne ridindigas la falintan kerubon, sed lasas al li la karakterizan trajton de fiera obstino kaj sarkasma dubemo. Per optimista ekkrio li finas la grandiozan verkon: „Mi diris: penu, hom' kaj firme fidu!"

Bedaŭrinde pro manko de loko mi ne povas longe pritrakti la konstrukton de la dramo, nek deflankiĝi al apartaj belecoj. La leganto facile trovos ilin, ĉar ili estas evidentaj kaj nekaŝitaj. Mi volas plenumi nur la taskon de recenzisto kaj fari kelkajn rimarkojn pri la Esperanta traduko.

Kiam unuafoje mi aŭdis pri la decido de Kalocsay, ke li prenis sur sin la malfacilan taskon de la traduko — mi dubis. Mi dubis ne pri la sukcesa laboro, sed pri la ebleco de la persisto. Longaj monatoj pasis kaj mian scivolon incitis ĉiam pli la baldaŭa apero de tiu ĉi ĉefverko. En tiu incito estis io eksterordinara, kio min faris eĉ maltrankvila. Komence nur simpla interesiĝo, poste duboplena scivolo pri la sukcesa traduko kaj fine — kvankam honte sed konfesinde — mi malespere atendis la momenton de seniluziiĝo pri taŭgeco de nia juna literatura lingvo, pri kiu jam multfoje mi devis konstati, ke naciaj ĉefverkoj estas prezentitaj nerekoneble kripligite. Nur tagoj mankis ĝis la aperfakto kaj la vermosimila penso tiel mordetis mian entuziasmon, ke forĵetinte mian plumon eĉ unu verson mi ne povis verki. Kaj alvenis la tago de la plena trompiĝo, kiu min igis ekkrii: „Benata trompiĝo, redonanta la fidon pri estonteco!"

Tiun neniam dankeblan bonfaron mi ŝuldas al la majstra interpretado de la tradukinto, al la poeta genio de mia amata kolego K. de Kalocsay. Nur poeto povas kompreni poeton; nur poeto povas interpreti poetan ĉefverkon. La genio de Madách trovis sian plej fidelan interpretanton, kiu profundiĝinte en ĉiuj belecoj de la originalo, inspirite transplantis ilin kun triumfa sukceso en la traduko. Duoblan pruvon kaj duoblan venkon signifas tio.

K. de Kalocsay, antaŭ ol tuŝi la verkon, zorge kaj skrupule kritikis sin mem. Li severe, pli harfende ol la plej pedantaj kompetentuloj, pripensis ĉiun tradukitan verson antaŭ la publikigo, ĉar li konsciis pri la respondeco, kiun li havis kontraŭ sia nacio, de kiu li preni volas kaj kontraŭ la internacio, al kiu li intencas doni. La estimo, amo al lingvoj de l'ambaŭ egale instigis lin kaj faris lin obstine singarda, trafe esprimriĉa, ĉar li sentis kun poeta instinkto, ke fiaski egalas je ridindigo de Madách kaj kompromito de la sola internacia lingvo vivanta. Lia talento destinas lin por interpretado de majstraĵoj, lia lingva perfekteco estas certa garantio de sukceso.

Mi taksis ĉiam altvalora lian talenton, kiu produktis pro sola altruismo idealista majstrajn tradukojn kaj nevelkemajn originalojn, sed nun — kuraĝe mi povas aserti — li superis sin mem. Mi dankas la okazon, kiu ebligas al mi publike diri tion. La frapanta fideleco al la originalo, la simpla, sed trafa esprimmaniero, la poezian ĉarmon konservanta interna forto de la traduko, kiu eĉ nuancojn ne deturnas, tiom surprizis min dum la unuafoja legado, ke reteni la ekkriojn de l'admiro mi ne povis. Mi ja bone konas la originalon, kies Luciferon jam kelkfoje mi estis ludanta sur scenejo, sed mian admiron, sinceran entuziasmon vekis la klareco de la traduko, kiu faras la verkon pli facile komprenebla kelkloke, pli ĝuebla arte ol la originalo mem. Jen pro kio mi konsideras tiun ĉi tradukon ne sole eminenta tradukaĵo, sed majstraĵo de la tradukarto. Jen la duobla pruvo, ke egala estimo al ambaŭ lingvoj povas konduki al certa venko. Jen la duobla venko, kiu donas fine reputacion por la Esperanto verso, efikan armilon al la batalantoj por sukcese sieĝi la bastionojn de l'skeptikeco.

La traduko fariĝis ja centkelkaj linioj pli longa ol la originalo. Tiu ĉi teoria difektiĝo tute ne gravas — precipe en la drama poemo — ĉar nekonante la originalon oni ne rimarkas tion, eĉ konante ĝin, sed ne kontrolante, oni preterlasas tiun bagatelon. La leganto volas havi plenan verkon, kompreneblan kaj poeziriĉan, kaj ne enigman ekstrakton kun samnombra liniaro sen sama senco kaj klareco. Kelkaj teorie perfektaj tradukoj, multfoje tedas la legantojn, kiuj estas devigataj longe cerbumadi por kompreni aŭ ĝuste percepti la sencon de la kripligita verso. Dum pasintaj monatoj mi legis tri tiajn, kiuj malgraŭ la fideleco kelkloke laŭvorta kaj malgraŭ la komparoj al nacilingva eminenta traduko kaj al originalo restis nediveneblaj. Terure! Mi ne nur pardonas, sed kore salutas tiun kuraĝan paŝon de Kalocsay, kiu ignorante la ŝiman skemon de „enĉambraj lingvosciencaj poetoj" malfermas la pordon por refreŝigi la rancan aeron. Jam estas tempo, ke la kulturantoj de nia lingvo ne konsideru plu Esperanton nur vangofrapebla, senkonscia, senspirita sklava idiomo, sed vidu fine en ĝi egalrajtan, memstaran, konscihavan fratlingvon de la naciaj. La infanŝuoj eluziĝis kaj la plenkreskinta viro jam povas prijuĝi siajn farojn. Pri tio ni povas trovi abunde pruvojn en nia originala literaturo.

Fuŝpoetoj, verkistoj sen lingva lerteco, sen sankta ekflamiĝo de la talento ne tuŝu la relikvojn de la homa genio, ĉar je tiaj tuŝoj ili polviĝas aŭ en plej bona okazo la gigantoj fariĝas nur bazaraj argilpupoj, pri kiuj ridetas la kompetenta preteriranto, kaj la naiva aĉetinto, post konvinkiĝo, ke ĝi estas nur mizera imitaĵo de bona marko, rajte kaj indigne povas koleri. En la templo de la naciaj gigantoj tiuj troambiciuloj rajtas sole pie rigardi, sed ne tuŝi, por ne ridindigi internacie la eminentajn apostolojn de naciaj lingvoj kaj ne kompromiti Esperanton.

Pri la „neologismoj" troveblaj en la traduko mi ne havas juĝrajton, ĉar nia popolo mem sankcios aŭ kondamnos ilin per uzado aŭ prisilento. Ilia uzado en okazo de neneceso estas nepre evitinda, sed en okazo de neceso senskrupule *uzenda*. Kompreneble nur pro rimo preni superfluan neologan vorton estas pruvo de fuŝpoeta mallerteco, ĉar vera poeto ne pro rimoj verkas. En tiu ĉi verko mi zorge ekzamenis ĉiun novan vorton, ĉar mi ne estas amiko de balastoj, kiuj malfaciligas la lernadon de la lingvo. Kun trankvila konscienco mi povas aserti, ke ĉiu vorto neologa, uzita aŭ proponita de Kalocsay, havas ankoraŭ lokon en nia vortaro laŭ rajto de neceseco kaj mi kredas, ke ili baldaŭ estos sankciitaj per ĝenerala uzado.

Ni sincere gratulas al la Hungara Esperanto Instituto, kiu neŝparante monon kaj laboron entreprenis la eldonon de tiu ĉi internacie valora verko, kiu jam delonge transpaŝis la limojn de sia malgranda patrujo. La artaj ilustraĵoj de Zichy indas al la arta enhavo. Mi forlasas la tradician rekomendon, ĉar la verko rekomendas sin mem kaj ĝian perfektan valoron garantias la nomo de la tradukinto. Nur modestan rimarkon mi faras: fine Esperanta verko sen — preseraroj.

*Jobo.*

## H. A. LUYKEN: PRO IŜTAR.

Romano el la antikva Babela historio. Originale verkita. Eldono de Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig 1924. Esperanto Fako Pĝ. 304.

Popolo, kiu ne taksas laŭvalore siajn verkistojn, kaj poetojn, ne rajtas nomi sin memstara popolo. Nacio, kiu dorson montras al sia literaturo, jam estas sur la deklivo, kondukanta al abismo. Internacio, kiu ne zorgas pri propra kulturo kaj pri la vivo de sia spirito, estas nur ŝajna laŭmoda fanfaronado, sed ne vera forto, produktanta valorojn. Tiu ŝajna Internacio devas malaperi, ĉar ĝi, neglektante sian burĝoniĝantan kulturon, jam kondamnis sin je morto.

Tiuj pensoj pelis unu la alian en mia kapo, kiam la plej freŝan, ampleksan romanon de mia kolego A. H.

Luyken mi prenis por recenzo, ĉar kutime estas en nia movado, ke idealistoj laboras kaj nia popolo — neglektas. Esence: en nia movado verkistoj verkas por verkistoj. Mi estas konvinkite, ke ankaŭ Luyken rekonis jam tiun ĉi unikan econ de nia movado kaj pro tio mi havas respektplenan admiron al li, kiu flankenmetis la skrupulojn kaj ne perdas emon por dediĉi sian talenton al nepra sendankeco.

Luyken estas vera verkisto, kiu indas je atento, lia valoro en nia literaturo estas eksterduba. Li okupas tute specialan lokon inter la romanverkistoj. Li estas moralfilozofo kun profunda religiemo kaj vasta teologia scio. Erare estus aserti ke li estas nur predikisto, ĉar liaj verkoj enhavas ion, kio en la plimulto de la moderna verkaro mankas, ili havas kompaktajn historiojn sur morala bazo. Jen la ne detruebla piedestalo, sur kiu li staras rajte kaj firme.

PRO IŜTAR, lia plej nova romano, prenas temon el la antikva Babela historio kaj lia plumo dekomence tiel interese pritraktas la malfacilan temon, ke la verko sukcese vekas kaj konservas la atenton de la leganto ĝis finlego. La bildoj senĉese alternas, fariĝas ĉiam pli interesaj, pentrindaj. La romano, kiel granda filmo, aperigas antaŭ ni la okazintaĵojn tute vivoplenaj. Se ni aldonas ankoraŭ, ke ĝi estas garnita per historiaj aŭtentikaĵoj, facile estas konstati, ke la verko havas seriozan valoron ankaŭ el kulturhistoria vidpunkto. La legado elvokas novajn pensojn en la leganto kaj igas lin mediti. Veraj pruvoj pri la talento de la verkisto.

PRO IŜTAR havas alian interesan flankon, kiu permesas ĝian registron al tendencromanoj. Facile estas konkludi, ke la batalo inter la idolkulto kaj la Eternul-adorantoj estas trafa aludo pri la ateista kaj religiema mondpercepto de nia epoko. Pripensinda temo.

Kore ni gratulas la verkiston, kies plej nova romano estas ne nur brila pruvo pri lia talento, sed samtempe la plej valora gemo en lia verkarjuvelo. La eleganta kaj facila stilo estas ĉefa allogilo de la libro, per kiu la verko donas tian valoraĵon al la leganto, kian li ne ricevas kutime en multaj verkoj, eĉ tro laŭditaj, de nia literaturo.

Mi ne povas ne tuŝi ĉi tie gravan demandon, kiu interesas speciale ne nur nian Esperantan literaturon, sed ankaŭ la naciajn. La ĝenerala ekonomia krizo ŝajnas esti la kaŭzo, ke multaj homoj ne aĉetas kaj ne legas literaturaĵojn. Unu post alia aperas la plej belaj kaj valoraj verkoj en la montrofenestro de la librovendistoj, sed la aĉetantoj mankas. En la plej bona okazo, oni legas la kritikon pri la verko. Mi konscie kaj intence ne donis nun la tre interesan enhavon de la romano. Per tio mi deziras atingi ankaŭ ĉe vi, kara leganto, kiu legas nun tiun ĉi recenzon, ke vi legu ĉifoje ne nur la kritikon, sed ankaŭ la verkon mem, kiu per sia klasikeco plej trafe laŭdas sin.

*Jobo.*

## JEAN FORGE: SALTEGO TRANS JARMILOJ(N)

Romano originale verkita. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. 1924. Esperanto-fako. 192 pĝĝ. Bindite 4 Gmk.

La „Abismoj", antaŭa romano de l'aŭtoro estis ĝoja surprizo kaj donis belajn esperojn pri la estonta agado de l'juna verkinto. Ĉi tiu romano montras ke la esperoj ne estis trompaj: mi kuraĝas diri, ke ĝi estas ĝis nun la plej interesa kaj amuza verko en nia originala literaturo.

Oni povus ĝin nomi fantazia farso. La ideo mem, transporti homojn el nia tempo en alian epokon, ne estas nova, ni citu nur la „Tempomaŝinon" de H. G. Wells. Sed la verko tamen havas sian originalecon en la kurioza koncepto kaj petole bonhumora tono reganta en ĝi.

Ni resumu la temon mallonge. Pasia aŭtomobilisto akcidentas, vundiĝas. Li rekonsciiĝas el sia sveno en mistera, izolita domo. Inventisto loĝas tie kun sia familio. Li inventis la Co radiojn, dank'al kiuj oni povas laŭplaĉe malantaŭenpromeni en la tempo. Nia heroo estas invitata kunpromeni. Kaj la tuta domo kun ĉiuj siaj loĝantoj refluĝas rekte en la tempon de Nerono. Ni estas meze de la „Quo Vadis" de Sienkiewicz. Grandaj miroj kaj timo flanke de la Romanoj pri la mirakloj de nia jarcento. Poste konfuzoj, kolizioj, danĝeroj. Fine, pro minaco de katastrofo, urĝa sinekspedo reen, en nian tempon.

Aplikante la plej severan mezuron de kritiko, oni eble povas riproĉi, ke la aŭtoro prezentas al ni plie komikajn *tipojn*, ol komikajn *karakterojn*, ke li ne tro severe memkritikis kelkajn — ion malkarajn — spritaĵojn, ke li kelkfoje — precipe en la seriozaj meditaj aŭ priskribaj partoj — lasas sin kuntreni de la parolrutino kaj tiam el la vorttrezoro perdiĝas la trezoro kaj restas nur vortoj — sed entute kaj ĝenerale la verko atestas pri verva talento kaj montras senduban progreson rilate al la „Abismoj".

La enkonduko, kun sia nervoza rapideco kaj tumulta vortgalopo tuj ekkaptas nian intereson, kiun la aŭtoro bone povas streĉi per la duonmalhela, duonklara skizo de la mistera inventista domo. La klarigo de la Co-radioj kun sia intenca nekomprenebleco estas rutina lertaĵo. Kaj post la alveno en Romon ni konstante scivolas, ridetas, vere bone fartas dum la lego. Kun kia riĉa eltrovemo amasiĝas la aŭtoro la ridigajn kontrastojn, ŝercajn situaciojn. La „notoj" de *Menenius Piso*, ankaŭ laŭ stilo, estas majstre sukcesinta falsaĵo. Kaj je la fino, kiam la vojaĝantoj estas infektitaj de la cezara tempo, ni sentas eĉ simbolajn perspektivojn. Kaj la tumulta rifuĝo! Legante ĝin en la plastika kaj vigla stilo, ni havas vere, malgraŭ la evidenta fantaziaĵo, senton de ekscitiĝo.

Plastika kaj vigla stilo, facila komprenebleco, luda legebleco, jen la plej fortaj flankoj de la verko. La aŭtoro akiris por si lingvaĵon kiu vaksmole konformiĝas al liaj pensoj, kiu estas frapante viva kaj sugestie impresa — ĝuste per sia simpleco kaj facileco.

Sed, bedaŭrinde, ĉi tiu bona stilo tamen ne estas senmakula. Mi notas ĉi tie la riproĉeblaĵojn de mi trovitajn:

La aŭtoro trouzas la sufiksojn „eg" kaj „aĉ". „Eg" mi trovis 24 en du paĝoj! El ili 8 estas superfluaj, 6 estus anstataŭeblaj per alia, eĉ pli efika, radikvorto. Kial ekzemple: revego, retiregiĝas, arogantegaĵo (tre ofte), gigantega?

Mi humile, sed emfaze petegas la aŭtoron, ke li ne uzu la terurajn „kunepremas", „kunetiras", „kunevenas". „Kunepremi" signifas „kune premi", ĉu ne? „Mi kaj li kune premas." „Kunveni" signifas: veni al sama loko; „kune veni" signifas: veni en sama tempo. Estas vere, ke ni diras ankaŭ: kunludanto. Do „kun" kiel verba prefikso povas signifi: *kunen* (plej ofte) kaj *kune* (tre malofte). Sed *kune* signifas nur kaj sole *kune*. Kial doni do al ĝi signifon kiun ĝi *neniam havas*. Se ni volas esti tro precizaj, prefere ni diru „kuneludanto."

Post „kvazaŭ" oni devas meti kondicionalon, se ĝi estas konjunkcio, indikativon, se ĝi estas adverbo. Ekzemploj: „Li iris kvazaŭ li *estus* ebria." „Li kvazaŭ *estis* ebria."

Post „permesas" oni devas meti konjunktivon, kaj nepre ne kondicionalon. Do ne „mi permesas ke vi irus", sed „ke vi iru".

Estas tre ofta eraro ĉe esperantistoj meti „pli frue" anstataŭ „antaŭe". La aŭtoro ne estas escepto!

Kaj de kiam mi recenzas, mi batalas kontraŭ la superfluaj „ig" kaj „iĝ". Ŝajne vane. Kvankam simpla konsulto de vortaro helpus pri la afero. Jen, mi trovis en la libro: vundigi, droniĝi, vestigi, fumaĵigi, izoligi, imponigi, naŭzigi, krucigi (krucumi).

La aŭtoro uzas unufoje „homaro" anstataŭ „homamaso"; homaro estas Homaro.

„Kolumno" estas „kolono". Anstataŭ „atava" mi dirus „atavisma". Anstataŭ „hejmena" eble pli taŭgus „alhejma". Estas strange, ke fraŭlino Snob „rotacias" sur la seĝo.

Mi eldiru ankoraŭ mian antipation kontraŭ kelkaj „ec" (sinjoreca, tereca) kaj kontraŭ „dum kiam", anstataŭ la kara, simpla „dum".

Jen ĉio, kion mi trovis. Estas bedaŭrinde ke ne okazis tiuj 20—30 strekoj de ruĝa krajono, kiuj estus certigitaj por la verko perfektan Esperantan lingvaĵon. Ĉar kun ili la verko estas vere modelo de bona kaj viva Esperanta stilo.

La aŭtoro en la „Abismoj" montris sian kapablon profundiĝi en homajn animojn. Ĉi tie li montris talenton pri interesa rakontmaniero, lerta plekto de epizodoj, bonhumoro, karikaturo, sprito, moko, fantazio. Jen estas ĉiuj premisoj, ke kun plena espero ni povu atendi de li La Esperantan Romanon.

*Kopar.*

## AL KNABINO, KIU NUR BALBUTAS ESPERANTON

K. DE KALOCSAY

Knabino, eta blondulin',
Mi vidas, pri la sort' vi plendas,
Armilo: via lango vin
Malbone servas kaj defendas.

Se vin atakas malicul'
Per pika ŝerc' petola ruzo,
Balbutas vi kaj en okul'
Aperas time la konfuzo.

Sed tiam, kiel per kiras'
La kavaliro sin defendas,
Jen, super via embaras'
Rideto brila sin etendas.

Radioj brilaj mil kaj mil
Fulmetas kiel la fajreroj.
Virkoro! Gardu pri trankvil',
Atentu pri la bruldanĝeroj!

Jes, vi, muteta blondulin'
Kun la ridet' sur roza vango,
Ne ĝenu vin, ĉagrenu vin,
Se ne obeas via lango.

Ne hontu pro balbuta vort',
Kur-ĝon havu kaj sinfidon.
Ja donis al vi bona sort'
Armilon brilan — vian ridon.

# PRI NIA REVUO

Kiel ĉefartikolo de la oktobra numero de *Konkordo*, (oficiala organo de sudslavaj esperantistoj), aperis artikolo: *„Du Notindaj Datrevenoj.“* La unua parto de la artikolo temas pri ni. Eble ĝi interesos niajn legantojn. Krome, pro la interesa statistiko, ĝi devas esti fiksita ankaŭ sur niaj paĝoj.

Antaŭ du jaroj grupo da talentaj Esperantaj verkistoj en Budapest fondis la ĵurnalon *Literatura Mondo*. La paŝo, kiun ili faris, estis tre grava kaj necesa por nia movado, kiel poste pruvis la faktoj kaj kion atestis nia Akademio. Estas superflue laŭdi la artan preson kaj aspekton de la *Literatura Mondo* kaj ankaŭ ĝiajn elektitajn legaĵojn. Sian ĉefan taskon: servi al la uzado kaj disvolviĝo de Esperanto en literaturo, ĝi bone plenumis. Kun sia stabo de la Akademie-premiitaj Esperantaj verkistoj kaj kun la konstantaj kunlaborantoj el 16 diversaj nacioj, krom la aliaj, bonvolaj, — ĝi almilitis por si tre honoran lokon inter nia gazetaro. La decido de la Esperantista Literatura Asocio, kiu dum la kunsido ĉe Viena Kongreso ligis kun la ĵurnalo oficialajn rilatojn, ankoraŭ pli altigos ĝian valoron kaj signifon.

La materialo, kiun ĝi donis dum la du jaroj de sia ekzisto, estas tre diversa kaj abunda. La bilanco de tiu enhavo, prezentita statistike, mirigas ĉefe pro tio ke la procentaĵo de la enpresitaj verkoj *originalaj*, estas tre alta kompare kun la tradukaĵoj. Ekzemple estis presitaj:

a) prozaj noveloj *originalaj* — 26,
   prozaj noveloj tradukitaj — 75,
b) dramverkoj *originalaj* — 4,
   dramverkoj tradukitaj — 3,
c) poemoj *originalaj* — 38,
   „ tradukitaj — 28,
d) grandaj kritikaj kaj observaj artikoloj pri monda arto, t. e. muziko, pentro, skulpto, literaturo:
   *originalaj* — 16,
   tradukitaj — 2,
e) artikoloj de „Mondliteratura Observo“, plejparte *originalaj* — 75,
f) grandaj artikoloj pri la Esperanta literaturo, ĝia lingvo kaj verkistoj — *originalaj* — 11,
g) muzikaĵoj (kun la notoj) *originalaj* — 4,
   „ „ tradukitaj — 10, ĉefe la naciaj popolkantoj,
h) grandaj felietonoj el la rememoroj de P. Lengyel kaj de dro. T. Schwarz, sub la nomo „Modernaj Robinzonoj“, *originalaj* — 2,
i) recenzoj pri Esperantaj libroj, *originalaj* — 60.

Do 236 originalaj verkoj kontraŭ 118 tradukitaj t. e. duobla kvanto, krom la specialaj artikoloj sub la rubrikoj „Disputo, binoklo, ekonomia observo“ kaj aliaj, kiel: Esperantaj proverboj, enigmoj k. t. p. Veran spritecon kaj akran konvinkan lingvon havis la kovrila „Redakta angulo“. Centoj da belegaj ilustraĵoj, ĉefe reprodukcioj de majstroverkoj, kaj kelkaj portretoj de Esperantaj eminentuloj kaj verkistoj plibeligas la paĝojn.

Ĉio nomita rajtigas nin diri ke la du pasintaj jaroj ne estas por „Literatura Mondo“ perditaj, kontraŭe — ili estis tre fruktodonaj kaj utilaj.

Ankoraŭ unu flanka pluso por „Literatura Mondo“ devas esti notita. Nome: tiu ĉi ĵurnalo kvazaŭ liberigas du aliajn plej gravajn Esperantajn presorganojn de la bezono gvidi kaj zorgi pri la pure literatura fako. Por „Esperanto“ de U. E. A. ĝi donas la eblecon sin dediĉi al niaj movadaj, organizaj kaj centrinstituciaj problemoj, kiuj solaj postulas jam preskaŭ ĉiujn paĝojn de la nomita gazeto. Ĝia enhavo pro tio tute ne perdos, eĉ pliaItigos sian intereson.

Al „Esperanto Triumfonta“ ĝi donas la eblecon fariĝi Esperantista n o v a j a gazeto, kies enhavo iom post iom devos transformiĝi por pli kaj pli sin akomodi al la raportado pri mondaj novaĵoj, eltrovoj, aktuala politiko, komerco k. t. p. Ĝia aldono „Revuo“ povus esti aŭ tute ĉesigita, aŭ destinita por provoj de komencantaj Esperantistaj verkistoj.

Kun tiu vere internacia trio, krom la naciaj kaj fakaj organoj, ni estas jam nun universale organizita popolo, havanta siajn propraјn informojn kaj kulturanta sian propran belan literaturon.

„Literatura Mondo“ havas apartan intencon doni al malgrandaj nacioj la eblajon montri en Esperanta traduko la ĉefverkojn de sia literaturo. Tiun intencon bone sciis eluzi niaj estonaj, ĉeĥoslovakaj, flandraj, bulgaraj kaj rumanaj samideanoj. Bedaŭrinde la artikoloj kaj notetoj el la sudslava literaturo* estas ankoraŭ en embrio. Ni esperas ke la estonta tempo aperigos ankaŭ inter niaj samlandanaj samideanoj kapablajn tradukistojn kaj observantojn, kiuj scios eluzi la paĝojn de „Literatura Mondo“ por tie prezenti al la monda samideanaro la ĉefverkojn de la sudslavaj aŭtoroj. Al la glora jubileanto mem, al ĝia redaktejo kaj kunlaborantoj ni sendas niajn plej korajn gratulojn.

* Ankaŭ el la finna, ukraina, dana, holanda, sveda, norvega, portugala, usona, sudamerika ktp. (Rim. de l' redakt.)

Globus presartinstituto A. S., Budapest. Direktoro Nikolao Biró